VIIa jaro. No 112 ★ Duonmonata ★ 20 Novembro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 Ş (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 Ş (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO:
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . 15 Sd
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# KIEL NIN ORGANIZI?

II

Ni vidis (1), ke por atingi harmonian organizon de la Esperanto-movado, ni ne bezonas krei novajn organismojn — kiuj povus nur pligrandigi la nunan konfuzon — sed nur kunligi tiujn, kiuj ekzistas, difini al ili precizajn taskojn kaj ebligi ilian kunlaboradon en la intereso de l'tuta movado.

Ni aliparte konstatis, ke en tia organizo devos trovi lokon la naciaj societoj, kun siaj grupoj, U. E. A. kaj la fakaj societoj, la kongresaj kaj lingvaj institucioj. (Centra Oficejo, Kongresa Komitato, Lingva Komitato, k.t.p.).

Unu el tiuj institucioj, nome U. E. A., estas jam internacie organizita. Ĝi kunigas la pli grandan parton de la aktiva Esperantistaro (8.000 membroj pagantaj individuan kotizajon, interŝanĝe de kiu ili rajtas difinitajn servojn) kaj ĝi estas tiamaniere organizata, ke interne de ĝi povas ekzisti memstaraj grupiĝoj por pli specialaj interesoj. Dank'al la deziresprimo jam parte realigita, de ĝia dua kongreso, la pli multaj fakaj societoj povos facile enkorpiĝi en U. E. A., konservante sian memstarecon kaj tamen ĝuante la profitojn de jam ekzistanta kaj elprovita organizajo. Dank'al la uzebleco de iniciatrajto kaj referendumrajto, posedataj de la Delegitoj regule balotataj de la membroj, ĝi estas starigita sur vere demokrataj principoj. Dum 1911 ĝia Jarlibro estis disvastigata je 8.000 ekzempleroj kaj ĝia oficiala organo je 3.000; la movado de la korespondajoj atingis 40.000 kaj de la spezoj 12.000 Sm. (sen la jurnalo). Tiujn ciferojn ni neniel citas pro fanfaronemo — kiu havus nenian sencon se oni konsideras la grandan laboron, kiu restas plenumota — sed por montri, ke kompari U. E. A. al unu el la pli-malpli firme ekzistantaj fakaj societoj kaj rigardi ĝin kiel flanklasindan faktoron en la organiza demando estas granda eraro de juĝo.

La supre cititaj ciferoj estas sendube per si mem ne altaj, sed en la nuna stato de la Esperanta movado, ili estas tamen atentindaj.

Nu, ni asertas, ke flanke de tiu institucio, funkcianta post multe da penoj, starigi novan internacian organizajon, kiu sin turnos proksimume al la sama publiko, agos kun la samaj laborantoj en la plej multaj okazoj, publikigos oficialan jarlibron kaj oficialan jurnalon, kaj — se ĝi volas vivi — devos organizi servojn, estas simpla absurdajo, precipe kiam oni konas la ankoraŭ modestan staton de la Esperantistaro, la malfacilajojn por starigi seriozan kaj vivkapablan organizajon. El organiza vidpunkto, ĝi estas plia konfuzajo; el financa, ĝi estas malutila malŝparo, kiun nia movado certe ne bezonas. Konkurencon U. E. A. certe ne timas por si mem, se oni ĝin trudas al ĝi, sed ni demandas ĉiun saĝan Esperantiston, en la momento kiam oni ankoraŭ povas ĝin eviti, ĉu la kunlaborado, kiun ni proponas, ne estas pli bezonata, ol interna konkurado kaj batalado, kun ĉiuj iliaj ordinaraj konsekvencoj?

La plej elementa saĝo konsilas, ke anstataŭ starigi novan pezan organismon kaj rekomenci laboron, kiu jam estis farata, plej praktike estas, uzi tion, kio ekzistas kaj ĝin kompletigi, se bezone, evitante tiel ĉian malŝparon aŭ duoblan uzon de fortoj multe pli utilaj por ekstera agado.

* *

Kia estas la solvo prezentata de U. E. A.?

(1) Vidu *Esperanto* de 20 Oktobro (no 110).

Ĝi proponas, ke la diversaj ekzistantaj organismoj *kunfederiĝu* (ne kunfandiĝu !) sur la *bazo de U. E. A.*, kies organizo jam estas elprovita de tri jaroj, kaj estas sufiĉe fleksebla por adaptiĝi al novaj bezonoj. Kiamaniere povas okazi tiu kunfederiĝo ? Tiun demandon ni respondos, reprenante la projekton, kiu estis akceptita de la Komitato de U. E. A. en Antverpeno, kaj ni ĝin akompanos per kelkaj pluaj klarigoj (1).

**Fundamentaj principoj.** — Ĉiuj ĝisnunaj institucioj estas konservataj kaj kunfederiĝas sur la fundamento de U. E. A., kiu sekve havos kiel celon disvastigi Esperanton kaj per ĝi plifaciligi la rilatojn inter la homoj.

Tiu organizaĵo konsideras Esperanton kiel vivantan lingvon, kies prizorgo apartenas, sole al la institucioj speciale kreitaj por tio.

Necese estas atenti, ke U. E. A., tiamaniere kompletigata, *ne mem* sin senpere okupos pri propagando kaj instruado de la lingvo, kiujn ĝi konsideras kiel pli speciale naciajn aferojn. La ĝenerala propagando kaj la instruado de la lingvo estos kiel nun prizorgataj de la *naciaj societoj* kaj iliaj grupoj, federacioj, ligoj, k.t.p. Tiuj naciaj societoj, kiel ĝis nun, daŭros sin organizi kiel ili deziras. Ili do estos tute memstaraj.

La internacia organizaĵo, t. e. U. E. A. kompletigata, sin limigos al la prizorgo de internacia propagando en la okazoj limigitaj kiam kunagado estas necesa, al la aranĝo de kongresoj, subteno de lingvaj institucioj, bibliografiaj kaj statistikaj servoj, interrilatado de naciaj societoj por demandoj de Komuna intereso.

**Organizo.** — En ĝenerala maniero, la organizo de U. E. A. restos la sama kiel ĝi nun estas fiksita de ĝia Statuto, krom pri la jenaj punktoj, en kiuj kelkaj ŝanĝoj estas necesaj pro la kunfederiĝo de novaj organismoj.

**Komitato.** — En la komenco ĝi havos du dek membrojn, t. e. la dek nunaj membroj de la Komitato de U. E. A. kaj dek novaj, kiuj por la unua fojo estus elektotaj inter la Komitato de la Kongresoj, la Administra Konsilantaro, la estraro de la naciaj societoj. En la estonteco la Komitato estos regule balotata de la delegitoj kaj reprezentantoj (vidu poste). Ĝia tasko estos la sama kiel tiu de la Komitato de la nuna U. E. A., nome fiksi la ĝeneralan agadon de la Asocio laŭ la deziresprimoj de la Kongreso kaj la decidoj de la Delegitoj, difini la organizon de la diversaj servoj, kontroli ilian administradon, voĉdoni la regularojn sub rezervo de la aprobo per ĝenerala voĉdonado (referendumo), starigi la buĝeton, baloti la Direktorojn de la Oficejoj, la fakestrojn, la komisionojn, k.t.p.

**Oficejoj.** — La du Oficejoj en Ĝenevo (Centra Oficejo de U. E. A.) kaj en Parizo (Centra Oficejo Esperantista) restas kiel ĝis nun. La unua sin okupos pri la praktikaj fakoj, la dua pri la propagandaj kun la tasko, kiun ĝi havis ĝis nun.

**Delegitoj kaj reprezentantoj.** — La *individua* kotizaĵo al U. E. A., kiel ĝi nun estas, estas konservata. La aliĝo estas laŭvola.

La Esperantistaj organizaĵoj, por esti oficiale enregistrigataj en la oficialan jarlibron kaj havi la rajton elekti reprezentantojn, devos pagi specialan kotizaĵon (kiel la ĝisnunaj Esperantiaj Entreprenoj havantaj Esperantistan karakteron), kiun oni ekzemple povus fiksi je 2 *Sm.* por cent membroj (1). Tiuj kotizaĵoj estos pagataj de la naciaj societoj.

La reprezentado de la Esperantistaro estos duobla :

*a*) Reprezentado de la Esperantistoj kiel individuoj, per la *Delegitoj* elektataj laŭ la ĝisnuna maniero de la Delegitoj de U. E. A. Tiuj Delegitoj, kiel nun, kolektos la kotizaĵojn, zorgos pri la servoj, k.t.p. Do, nenia ŝanĝo en tiu rilato.

*b*) Reprezentado de la Esperantistaj propagandaj organizaĵoj per la *Reprezentantoj* (2). Tiuj reprezentantoj estos elektataj de la naciaj propagandaj societoj, proporcie je la nombro de iliaj membroj (3). Oni kalkulos nur la membrojn, kiuj apartenas al la grupoj, kiuj pagis la kolektivan kotizaĵon supre priparolitan.

La Delegitoj kaj Reprezentantoj havus egalajn rajtojn. Ili voĉdonus pri la regularoj, partoprenus en la balotoj, laŭ la samaj principoj ĝis nun aplikitaj en U. E. A. (entenante referendumon kaj iniciatrajton).

Se oni legas § 30 kaj 31 de la Statuto de U. E. A., oni rimarkas, ke la institucio de reprezentantoj estis jam antaŭvidita por la fakaj organizaĵoj. Sufiĉos do anstataŭigi fakajn organizaĵojn per propagandaj kaj ŝanĝi la proporcion de la reprezentantoj, tiel ke ili estu proksimume samnombraj kun la Delegitoj.

La voĉdonoj kaj balotoj, kiel ĝis nun en U. E. A., estos ĉiam korespondaj kaj sekretaj — necesa garantio por ĉiu serioza demokrata organizo.

**Kongreso.** — El tio, kio estas supre dirita, sekvas, ke ekzistas nur unu Kongreso (4). La Kongreso ekzamenas la agadon de la Komitato dum la estinta jaro kaj, per deziresprimoj, fiksas la grandajn liniojn de la agado dum la venonta jaro (5).

La rajtigitaj delegitoj de la propagandaj organizaĵoj elektitaj en Antverpeno por la unua fojo, estus anstataŭataj de la Reprezentantoj. Ŝajnas efektive tute ne necese nun komplikigi la organizon per elekto de specialaj dumkongresaj delegitoj. La Kongreso ekzamenas tion, kio estas farita dum la jaro kaj laŭ la raportoj, kiuj estas prezentataj al ĝi, esprimas dezirojn pri tio, kio estas farota dum la venonta jaro, lasante al la Komitato helpata de la specialaj komisionoj la taskon ellabori la regularojn de la diversaj servoj sub rezervo de la aprobo de la Delegitoj kaj Reprezentantoj.

La sperto montris, ke kongreso, kiu kunvenas nur dum kelkaj tagoj, ne povas detale diskuti regularojn kaj serioze pritrakti demandon sub ĉiuj ĝiaj aspektoj. Ofte ĝi eĉ ne estas kompetenta por tio kaj tial sisteme akceptas ĉion, kion oni prezentas al ĝi, se nur ĝi estas lerte prezentata. Poste komprenebele naskiĝas protestoj. Pli proksima al demokrateco kaj ankaŭ pli justa estas la sistemo laŭ kiu la lasta instanco estas la Delegitoj kaj Reprezentantoj, voĉdonantaj hejme post interŝanĝo de ideoj kun siaj samlokaj samideanoj, anstataŭ rapide dum kongreso post pli-malpli brila parolado.

**Financaj rimedoj.** — La kotizaĵoj de la membroj estos speciale difinitaj por la fakoj prizorgataj ĉe la Ĝeneva Oficejo (praktikaj servoj). La kolektivaj kotizaĵoj de la grupoj, alcentrigataj de la naciaj societoj, kiel ni supre vidis, estos difinataj por la fakoj prizorgataj de la Pariza Oficejo (nome subteno de la lingvaj institucioj, bibliografio kaj statistiko, internacia propagando).

---

(1) Estas necese scii, ke tiu ideo estis elmetita ne de ni unue, sed de S-ro Dejean, la fervora prezidanto de la Burgonja Esperantista Federacio, kiu kelkan tempon antaŭ la Sepa, submetis al la internacia Financa Konsilantaro projekton bazatan sur la supraj ideoj. Tiu projekto estis reprenata de la Komitato de U. E. A. en Antverpeno, kun kelkaj ŝanĝoj. Ni rekomendas ankaŭ atente legi la trafajn kritikojn de la principo de la dueco de organizaĵoj en la artikolo de S-ro Dejean, kies ekstraktoj aperis en la lasta nº de *Esperanto*.

(1) La nunaj Esperantiaj Eentreprenoj pagas unuforme 2 Sm., kia ajn estas ilia membronombro. En la sistemo kiun ni proponas, ŝajnas preferinde proporciigi la kotizaĵon je la membronombro.

(2) Memkomprenebie, la nomo estas ne grava. Oni povas elekti alian, se tiu ŝajnas ne taŭga.

(3) Oni ekz. povus elekti unu reprezentanton po 250 membroj.

(4) Tiu sistemo estas uzata interne de la nuna U. E. A.

(5) Komprenebie krom la naciaj, regionaj aŭ fakaj kongresoj.

IDEOJ & FAKTOJ

## Liszt Ferenc

La okuloj de la muzikartistaro estis direktataj dum tri tagoj al Budapesth. En la ĉambrego de l'Hungara Akademio de l'Muziko okazis belega soleno : pagis la tributon de danko kaj pieco tuta Hungarujo kaj kune kun ĝi la tuta kultura mondo al mondfama artisto de muziko : Liszt Ferenc (1).

Kie ekzistas kaj troviĝas amantoj de muziko, lia nomo ne estas malkonata. Li estas « le grand prodige » de Parizo dum kvardek jaroj de l'pasinta jarcento, li estis « la hungara sorĉisto » de la Weimara kortego, kiun admiris kaj amis ĉiuj, kies nomo brilegas ankaŭ nun en la historio de l'artoj kun la nomo Palaestrina, Beethowen, Chopin, ktp.

Li naskiĝis la 22-an de oktobro 1811 ; oni do festis jus la centan datrevenon de lia naskotago. Lia naskohejmo : Dobojan estas cetere sensignifa vilaĝeto de Hungarujo. Oni donis al li bonan edukadon. La patro faris ĉion por ke lia ekaperetanta muzika talento estu kiel eble plej prizorgata. Liaj majstroj estis Hummel, Czerny, Saliery, kaj en dekdujaraaĝo la « mirinduleto » akceptis jam la aplaŭdegojn de l'plejaltranga publiko de Vieno.

En 1823 la patro kunveturigis lin Parizon kun la rekomenda letero de l'princo Metternich. Cherubini la direktoro de la nacia ĉefa muziklernejo akceptis ilin afable ; tamen li ne povis enskribiĝi en la akademianan nomaron ĉar la patro Adamo Liszt ne estis regnano en Francujo. Tamen sub la direktado kaj gvidado de Recha li progresis dum unu jaro tiel, ke li estas jam en 1824 amegata artisto de la parizaj koncertsalonoj. Eĉ en 1825 li povis prezenti sian unuan operon ĉe la Academie Royale (Don Sancho aŭ la Kastelo de l'amo) kiun oni ankoraŭ en 1825 prezentis.

Kune kun la patro li iris iafoje ankaŭ Londonon por entuziasmigi per sia virtuozeco la tutan anglan metropolon.

En deksepjara aĝo atingis ankaŭ lin kutimadata malsaneco de la junularo : la malfeliĉa amo. Sed Liszt, ankaŭ la junulo, havis ĉion tre serioze, same ankaŭ la amon, tiel ke li estis vere malsaniĝinta. Laŭ la konsiloj de l'patro li retiriĝis en la marbanejo Bolonja. Unuj opinis lin jam mortinta, eĉ franca gazeto « Etoile » publikigis belegan nekrologion pri li. Lian doloron pliprofundigis ankaŭ la morto de l'patro.

Li estis intencanta jam forlasi la muzikarton ; unu fojon tamen, aŭskultinte la muzikon de Paganini li reentuziasmiĝas (1831). Li sidis dum 28 horoj ĉe la fortepiano kun la fortega decido, ke li iĝos Paganini de la fortepiano. Kaj aŭdinte ke la pariza publiko favoregas Thalberg-on, li estis rapidanta kiel eble plej baldaŭ Parizon, kaj per artista vetbatalo li regajnas al si mem la simpation kaj ovaciadon de de l'parizanaro. Triumfo kaj koroj denove apartenas al li. Ĉarmega inklinado de grafino D'Agoûlt forgesigos al li la unuan amon, kaj doloron. Tre helpas tion ankaŭ la triumfoj akiritaj en la grandaj eŭropaj metropoloj. Por montri sian hungarecon li faris koncerton por helpi la malfeliĉulojn de la 1836 superakvego en Pest. En 1839 li iris hejmen, kie la samregnanoj akceptis lin kiel regnestron. Vere tiam li estis jam inda je la nomo : reĝo de la fortepiano. Baldaŭ forlasinte grafinon D'Agoult, li iris Weimar-on kune kun sia pli nova amatino princino Karolino de Sayn Withgenstein. Li iĝis la direktoro de l'ĥoro kaj koncertoj ĉe la Weimar-Eisenach-a kortego. Samtiu Altenburg estis lia loĝejo, kiu vidis inter siaj muroj inter aliaj Gœthe kaj Schiller.

Ĉi tie formiĝas rondeto ĉirkaŭ li el muzikistoj kiuj estimis lin kiel majstron.

Ĉe li trovas defendejon ankaŭ Rikardo Wagner, kiun la samtempaj muzikistoj estis kvazaŭ peladantaj pro liaj kuraĝaj novajoj. Liszt prenas lin sub sia protektado, verkas pri lia muziko broŝuron, en 1849 aranĝas en la programo ankaŭ « Tanhæuser », poste pli kaj pli multe el la Wagnera muziko, kaj fine li akiras ankaŭ la malamikojn de la Wagnera muziko kiel admirantojn. Oni povas diri, ke Liszt metis Wagner sur la piedestalon, kie lin admiras la posteularo. Kaj tiu ĉi fakto tute ne malgrandigas Wagner.

Dum la unua duono de sia kariero li estis precipe artisto de l'reproduktado, sed la spirito havis jam pli altajn dezirojn : li volis krei ! En 1859 li foriĝas el Weimar, kie li ne povis legitimigi sian rilaton al princino Wittgenstein. En sia animo klopodadanta al la idealo faris ehon la deziro de l'eksa patrino, kiu nun rakontas la proprajn inklinojn ekscitítajn per la kontinua legado de la Sankta Skribajo. Li iris Romon, kie post la bezona antaŭprepariĝado kardinalo Hohenlohe faris lin pastro la 25 aprilo 1865.

Pastro estonte li trovis sufiĉe da okazo por koni la praajn liturgiojn de l'eklezio kaj inspiris lin arto de Palaestrino. Ĉerpinte el prafontoj de l'eklezio, pionirinte tamen novajn vojojn li estis fondinta la novan muzikdramon kaj la novan eklezian muzikon. En la silentego de l'monaĥejo Monte Mario kreiĝas liaj grandaj komponaĵoj. Li travivis la vivon malproksime de la patrujo, lia koro, lia spirito tamen ricevis la inspirojn de hejmo. Li ellaboris la legendon de l'Hungara S. Elisabeto (Oratorio pri S. Elisabeto), li enmiksas senĉese hungarajn motivojn en sia Oratorio pri Kristo, la

(1) Elp. List F. Francisko List.

---

La donacoj (ekz. super 10 Sm.) povos esti difinitaj por tiu aŭ alia fako, laŭ la volo de la donacinto ; se ne, ili estos egalparte dividataj inter ambaŭ Oficejoj.

Ni rimarku, ke ŝparoj estos fareblaj dank'al la unueco de organizaĵo (1). Oni efektive havos nur unu jarlibron, nur unu gazeton. Plie komunikaĵoj pri la laboro plenumata de la organizaĵo povos esti sendataj al ĉiuj Esperantaj gazetoj (kiel nun faras U. E. A.), tiel ke la Esperantistoj estu regule informataj pri ĝi. Aliparte, la fakto, ke estas nur unu internacia organizaĵo certe helpos al la pligrandigo de la enspezoj, forigante ĉiun konkurencon pri tio. Male, la dueco de organizo povus nur malinstigi la donacemulojn.

**Fakaj societoj**, — Dank'al la sistemo alprenita de U.E.A.. povas interne de ĝi kreiĝi memstaraj fakaj sekcioj. Jam nun ekzistas tri el ili kaj oni povos pligrandigi ilian nombron laŭ la bezonoj, Tiuj fakoj memstare organiziĝas kaj laboras uzante la perecon de la ekzistanta centra administracio.

La fakaj societoj, kiuj havas partian aŭ religian karakteron, kompreneble restas absolute memstaraj kiel ĝis nun.

*
* *

Tia estas, resumite, la esenco de la solvo proponata de U. E. A. Tiuj proponoj, fakte, konservas ĉiujn nunajn instituciojn, respektas la necesan memstarecon de la naciaj organismoj, faciligas ilian kunlaboradon en tiuj okazoj, kiam ĉi tiu estas necesa, kaj el la vidpunkto financa, ili simpligas, kaj ŝparigas, evitante ĉian neutilan konkurencon kaj duecon. Ni havas la konvinkon, ke kunfederiĝo de la nunaj organismoj sur la jam ekzistanta kaj elprovita bazo, kiun ni proponas, certe enkondukos pli da harmonio kaj pli da ordo en nia movado.

(*Daŭrigota*). ——H. HODLER.

(1) Vidu pri tio la artikolon de S-ro Dejean en nia lasta N°.

famegajn mesojn li kreis okaze de hungarlandaj solenajoj. Post lia kvindekjara jubileo li venis hejmen por iĝi direktoro de l'muzikprofesora kurso de la Tutlanda Hungara Akademio de l'Muziko. Pli poste li reiris eksterlanden kaj loĝis en Romo, Weimar kaj Bayreuth. La morto atingis lin en Weimar en lia 75 jara aĝo. La antaŭa grandulo ripozas nun en la Bayrentha maŭzoleo.

Rilate la teĥniko, lerteco kaj sento neniu lin superis. Li faris populara Schubert, li akiris honoron al Schumann, li estis pionirinto de Wagner, li vivis en amikeco kun Chopin, ktp. Kvankam neniu estis pli artkapabla en la reproduktado, li superis sin mem en la kreado. Dekdu simfonioj liaj estas favorataj partoj de la koncertprogramoj. Liaj Hungaraj Rapsodioj faris gloron al la hungara popolmuziko, kaj malfermis la vojon en la nobelajn salonojn por la popolkantetoj de l'Hungaroj.

Grandega aro da muzikistoj honoras lin kiel majstron. Do inde honoris lin la mondo nun, okaze de centa datreveno de lia naskotago.

Lia nomo estos eterna gloro por Hungarujo lin naskinta (1). Elis. Ferencz (Miŝkolc).

## La mutualeco en Rumanujo

Kiel oni scias, ekzistas du kategorioj de mutualeco, *libera* kaj *deviga*. En Rumanujo oni konas preskaŭ nur la unuan kategorion.

Jen kelkaj notoj pri la libera mutualeco en nia lando, laŭ tiuj publikigitaj en la « Folio por komercaj informoj », eldonajo de Ministrejo por komerco kaj industrio.

La libera mutualeco ekstariĝis sur la ruinoj de la malnovaj gildoj, kiuj praktikis la reciprokan helpon — komence sub la senpera influo de la fremdaj metiistoj, germanoj, ĉeĥoj, k. a., kaj depost 1900, per la instigo kaj kiel imitado de la gravaj progresoj de la vilaĝaj kooperativoj, kiuj estas ankaŭ rezultato de la mutuala helpo, en la larĝa senco de la vorto.

La plimulto de tiuj societoj celas ĉefe la helpon de la membroj en okazo de malsano kaj morto. Preskaŭ ĉiuj tiujĉi societoj disvolviĝis en la urba vivo, en la malaltrangaj klasoj de la popolo, inter la laboristoj, metiistoj kaj malgrandaj oficistoj.

Laŭ la nombro de la membroj de tiuj societoj oni konstatis ke ekzistis fine de l'jaro 1909, 224 societoj kun 71.303 membroj, inter kiuj 196 societoj kun ĝis 500 membroj, 16 kun ĝis 1.000, 12 kun pli ol 1.000.

Nur tiuj de la tria kategorio estas la plej malnovaj kaj pli bone organizataj. La buĝeto de la du cent societoj kiuj estis trovitaj je la fino de 1909, la plej certaj, estis ĉe enspezoj dum 1909, 585.960 Sm. kiuj reprezentis 360.700 Sm. por kotizajoj, 13.680 Sm. por enskribpacoj kaj 171.580 Sm. por diversaj enspezoj.

Tio montras do, ke nur la kotizajoj de la membroj sumas 2/3 de ĉiuj enspezoj.

La elspezoj de tiuj 200 societoj dum 1909 atingis 68.780 Sm. el kiuj nur por la helpoj donitaj al la membroj, oni pagis 290.400 Sm. aŭ 2/3 el la tuto.

Ĉi tio pruvas ke la libera mutualeco en Rumanujo starigita sur siaj propraj fortoj havas veran karakteron de reciproka helpo kaj estas grava fakto por la socia antaŭvido.

Ekzistas en Rumanujo ankaŭ la alia kategorio nomita deviga, ĉar ĝi estas vivigita per la instigo de la ŝtato. Tiel la leĝo por organizo de la metioj de 1902, inter aliaj celoj de la korporacioj, starigitaj per tiu leĝo, entenas ankaŭ tiun por ke ili organizu mutualan helpon inter iaj membroj (metiistoj). Tion la korporacioj povis efektivigi, ĉu starigante asekurkasojn, aneksitajn ĉe ĉiu korporacio, ĉu asekurante la membrojn ĉe asekursocietoj kontraŭ la akcidentoj, malsano, morto ktp. Oni elektis por tio nur la unuan vojon kaj tiel preskaŭ ĉiu korporacio havas ankaŭ sian asekurkason.

Certajn notojn pri la stato de tiu deviga mutualeco nur malmultajn oni konas kaj tiujn el la enketo kiun la industria ministrejo faris dum la jaro 1907/8. Laŭ tio, ekzistis je la 1 aprilo 1908, en Rumanujo, 114 korporacioj kun 128.841 membroj, el kiuj nur 12 ne konformiĝis al la leĝo por starigi asekurkason. La enspezoj, dum tiu jaro, nur por tiuj kasoj estis 129.560 Sm. kaj la elspezoj atingis la ciferon da 87.952 Sm. El tio oni pagis 20.376 Sm. por helpo dum malsano, 19.350 Sm. por kuraciloj, 11.200 Sm. por monaj helpoj sekve de mortoj, 16.120 Sm. por pensioj kaj kuracistoj, entute 67.056 Sm.

Laŭ tiu sumo, kiu reprezentas preskaŭ 80 0/0 de la tuto de l'elspezoj, uzataj ekskluzive por la helpo de la membroj, oni povas konstati la utilecon de tiuj institucioj. Malgraŭ tio, estas certe ke pli granda atento donita al la mutuala spirito, sub la formo deviga aŭ libera, certigus al la mutualeco en Rumanujo sukcesplenan estontecon.

E. Nicolau (Del. Bukureŝto).

## Kooperativa urbo

*Parizo-Ĝardeno, la unua franca ĝardenurbo*

La celo de Parizo-ĝardeno estas krei urbon proksime de Parizo kaj ebligi la akiron de propra domo al personoj, kiuj alie ne povus ĝin posedi. Sed ĉu ne ekzistas aliaj samcelaj societoj ? Certe kelkaj estas, kiuj liveras domon je ne tre alta prezo, kaj aliaj, kiuj pretendas tion fari. Tiuj lastaj fakte similas komercajn entreprenojn kaj utilas precipe por doni profiton al la direktoro. La unuaj male ne multe reklamas nek profitigas, sed la nombro de iliaj membroj ĉiam estas tre limigita, ĉar la domoj konstruiĝas en lokoj, kie la spekulado iom altigas la prezon de la tero. Anstataŭ tio, Parizo-ĝardeno konstruos ĉiujn domojn sur la sama loko aĉetita pogrande kaj kapabla enteni ĉirkaŭ 400 dometoj ; ĝi donas la teron al siaj membroj je la kostoprezo — unua profito por la aliĝantoj. La societo, kooperativo aprobita de la labora Ministrejo, rajtas malkare pruntepreni monon, laŭ la leĝoj de 1906-1908 pri malkaraj loĝejoj, 2/3 aŭ 4/5 de la valoro. Oni konstruas la domon tuj post la pago de la tero ; la jara luprezo ne povas esti plialtigata. Ekzemple por 450 frankoj jare oni konstruos 6.000 frankan dometon kun 5 aŭ 6 ĉambroj por 525 frankoj, dometon de 7.000. La lusumoj estos ŝparataj, kaj la luanto fine fariĝos posedanto. Ĉar la pagoj estas asekurataj ĉe la Nacia Kaso de asekuroj, la heredantoj de mortinta societano senpage ricevas la domon.

Laŭ la leĝo pri malkaraj loĝejoj, tiuj konstruajoj ĝuas dum dekdu jaroj senimpostecon de la tero. La tero kostis malmulte, ankaŭ la konstruado estos malkara pro la multeco de dometoj sur la sama loko. Tio ebligos rapidan starigon de ĉiuj loĝejoj kun la moderna komforto : akvo, gaso, elektro, kio simpligos la hejmajn laborojn. Grupigante la hejmojn de siaj anoj, Parizo-Ĝardeno fariĝos centro tre favora por ĉio necesa al la batalado kontraŭ la malfacilajoj de la vivo per solidarecaj principoj. Oni facile komprenos, ke multaj cirkonstancoj nepre kunligos societanojn loĝantajn en la sama loko kaj havantajn la samajn bezonojn. La iniciatintoj tiel kreis agrablan kaj facilan eksperimenton de ĉiuj kooperativaj formoj. Parizo-ĝardeno estas malfermita al ĉiuj, sed neniu persono venu kun egoistaj pensoj, ĉar tie ne estas ebla eĉ la plej malgrava spekulado ; ĝi kunligas neprofitemajn kooperativistojn sen konsidero pri politikaj, religiaj aŭ filozofiaj ideoj kaj konvinkoj ; ĝi estas la efektivigo de socia

(1) Okaze de bonvola publikigo en kiu ajn nacilingva gazeto mi petas la tradukanton sendi al mi du ekzemplerojn. Mia adreso estas: F-no E. Ferencz, Miŝkolc, Hungarujo I. Melinda utca 7.

centro, sekve tolerema kaj altruista ; vivado en tia centro trudas nenion alian krom simpla kaj modesta uzado de la plej bela homa eco : la solidareco.

E. Souchay, (1)
Laborkonsulo, Parizo.

## La tragedio de l'ardeo

Se oni ekprenas modan jurnalon aŭ ian ilustritan gazeton, enhavantan malgrandan primodan rubrikon, tiam oni trovas preskaŭ en ĉiu numero ilustrajojn kaj priskribojn de novaj ardeoĉapeloj.

Oni glorigas en tiuj gazetoj la « eltrovemon de la Parizaj modistinoj », kiuj ĵetas ĉiutage sur la foiron novajn formojn de ardeoĉapeloj kaj konstatas senpripense kaj senkritike, ke ĉiuj formoj trovis kaj trovadas multenombrajn adeptinojn. La ĉapeloj ornamitaj de ardeaj plumfaskoj kaj de la kadavro aŭ la plumoj de l'paradizbirdo konkuras kiel admirindaj produktoj de l'modo.

Estas honto por nia — tiel nomata — altkultura epoko, ke nuntempe tiaj ĉapelmodoj estas ankoraŭ eblaj. Kontraŭ la kruela malĝusta ekspluato de l'birdaro skribas la fame konata vojaĝanto kaj bestesploristo C. G. Schillings en la lasta numero de la « Sueddeutsche Monatshefte » (Münĉheno) jene :

« Se ni vivus en epoko de vera kulturo, tiam estus neeble, ke delikate kaj bonkore sentantaj kaj sentimentalaj virinoj subtenas la aran mortigon kaj ekstermadon de la plej belegaj naturmirindaĵoj tiel senpripense, tiel neavertate de la viraro, kiel okazas nuntempe por la ĉapelmodoj de nia inaro. Jen ni staras antaŭ psikologiaj enigmoj ! La samaj virinoj, la samaj knabinoj, kiuj,plej indigne, riproĉas pro kruelemeco iun viron, kiu antaŭ iliaj okuloj mortigas ekz. kantbirdon, eĉ paseron, akceptos ravite el la manoj de l'sama viro la kadavron de paradizbirdo, de arĝentardeo, rapidpaŝe iros al la plej proksima spegulo kaj tie admiros sian (laŭ ilia opinio nun plibeligitan) estaĵon. Tie la logikulo vidas profunde kortuŝigan tragedion.

Malfeliĉega sorto de l'arĝentardeoj. (Ardea alba) ! En Azio, Ameriko kaj Aŭstralio ankoraŭ vivis antaŭ malmultaj jaroj grandaj nombroj da belegaj, neĝblankaj birdaj miraklaĵoj, la arĝentardeoj en diversaj specoj. Nuntempe (1911) tiuj aroj malpliiĝis ĝis relative malmultaj restoj. Ankoraŭ en la tempo de Alfred Brehm, kiam li verkis sian « Tierleben », ankaŭ en Sud-Eŭropo estis ankoraŭ centmiloj da tiuj belegaj kreitaĵoj. La ornampluma negocado pereigis ilin. Nune ili, malgrandnombre en Eŭropo en severe protektataj distriktoj, fariĝis kvazaŭ « naturmonumentoj ». Similan sorton havis iliaj fratoj en la ceteraj mondpartoj ; ĉie ili jam ekestingiĝas. Kiamaniere okazas tio ? La metodo estas simpla, en sia krueleco ne superebla, brutala, senindulga, terurega.

Tiu kiu konas kelkajn malproksimajn landojn, memoras ravita pri la belegaj aperaĵoj de neĝblankaj ardeoj apud kvietaj riveroj, meze en tropika praarbaro, en vastegaj marĉoj, apud la maro, kiel ankaŭ sur la akvoj de l'interna lando, mallonge : ĉie tie, kie la mondo estas ankoraŭ akvoriĉa kaj soleca. Unufoje en la jaro la arĝentardeon ekregas la potenco de l'amo kaj, kolektiĝinte grandare, ili serĉas siajn nestiĝejojn, kiuj kutime depost pratempoj estis la samaj. Tion scias la ardeomortigistoj de la lastaj du dekjaroj nur tro certe. Kunulo de l'paradizbirda ĉasisto de la suda maro, li aperas frutempe sur la ankoraŭ soleca ardekovejo. Li konstruas domaĉon kaj atendas, ĉar li scias : la arĝentardeoj *devas* tie ĉi aperi, kaj ili aperas ankaŭ, iom post iom, nestiĝas kaj elkovas siajn idojn. Baldaŭ ili ne plu atentas la ŝajne nesuspektan homon, kiu loĝas malsupre en la malgranda domaĉo kaj ne ĝenas ilin. La aero estas plena de l'kriado de la idoj, postulantaj manĝaĵon, de la kripetado al la gepatroj pro nutrado kaj la firmamento estas plena de la belega flugbildo de la arĝentardeoj, kiuj flugas de la nestoj al la akvo, al la marĉoj, al la maro kaj reen, por nutri siajn idojn. Nur en la kovepoko la arĝentardeoj portas sian edziĝan plumornamon, tiel ardege dezirantan de la plumkomerco kaj — de nia inaro, kaj tiele regis ankoraŭ unu fojon viglega viveco en milopa, senkompareble belega maniero en la ardea kolonio. Tiel belaj kaj ravigaj estas la neĝblankaj arĝent-kaj ornamaj-ardeoj, ke *Goethe*, la germana poetreĝo konsideris kiel necese, dediĉi al ili kaj al ilia protekto lokon en la dua parto de *Faŭst*, lokon, kiu iliajn mortigulojn signas inter la homoj en maniero, kiu hontruĝigas ĉiun, kiu riskos mortigi la belegajn kreitaĵojn.

Estas kutimo de l'arĝentardeoj, alflugi siajn nestojn sur tute certaj flugvojoj. Tiujn ĉi flugojn, malproksimajn de la kovejo la ĉasisto okupas unue, kaj mortpafas peco post peco la malalte flugantajn birdojn, alkutimiĝintajn al lia ĉeestado. Unu tranĉo per la tranĉilo senigas la malfeliĉegajn birdojn de parto de ilia dorshaŭto, el kiu elkreskas la plej postulataj plumoj. La birdon mem la mortigulo ĵetas senatente flanken. Tiele daŭras kelkajn tagojn. Patrina kaj patra amo estas en tiu tempo – kaj *nur* en tiu tempo — tiel fortaj, ke la plumĉasisto, fine vizitante la mezon de l'kova kolonio, de nun direkte antaŭ la insistege nutrajpetantaj idoj povas mortpafi ankaŭ la lastajn gepatrajn arĝentardeojn de sur ilia nesto... Kaj nun komencas granda, kruelega mortigado. Malproksimen sonadas la korŝiranta kriado, eksonas la insistegaj petoj de *l'idoj*, sed vane, ili ricevas nek respondon nek nutraĵon. Kontraŭe, iliaj kortuŝigaj petegoj allogas ankaŭ la plej ruzan el la maljunaj ardeoj antaŭ la pereigan pafilon de l'plumĉasisto. Eĉ ne unu gepatra birdo restas kaj ĉiuj idoj mortas mizere malrapide, kruele pro malsato.

Tiele okazas depost pli ol du jardekoj en ĉiuj atingeblaj kaj konataj arĝentardeaj kolonioj de l'mondo. Tiamaniere estas gajnata la ĉapelornamaĵo de niaj virinoj kaj knabinoj !

La ekspluato de ornamajardeoj kaj arĝentardeoj diversspecaj sur la tuta mondo estis — sole en 1910 kaj nur tiom kiom venis al la London'a ornamaĵpluma komerco — ĉirkaŭ 49,000 uncoj, t. e. konforma al nombro da 290,700 blankaj ardeoj ! Al tiu ĉi nombro estas ankoraŭ aldonota la nombro de la idoj mortintaj pro malsato ! La unco estas ĉirkaŭ 30 gramoj kaj estas pagata laŭ kvalito ĝis 80 Sm. kaj plie. La leganto povas ricevi ĉirkaŭan ideon el la jus diritaj sciigoj, kiamaniere estas uzata senindulga ekspluataĉo. Estu aldonate, ke — laŭ la juĝo de kompetentuloj — post malmultaj jaroj la arĝentardeo estos *tute* malaperinta de sur la tero.

Trad. Mayerhaŭser (Del. Bad Reichenhall.

(1) Mi plezure sendos informojn al ĉiuj interesataj kaj aliflanke volonte ricevus informojn pri la movado de malkaraj loĝejoj en ĉiuj landoj. Adreso : Bd. Exelmans, 134, Parizo.

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Gœthe, Hermano kaj Doroteo** (Hermann und Dorothea). — trad. el germana lingvo Benno Küster. Central-Verlag für Esperanto und stenographie, Magdeburg, Kaiser Friedrich-str. 1. — Prezo : Sm. 0.50.

Mi ne intencas delale analizi tiun famekonatan kaj ĉiulingve tradukitan idilian poemon. Mi nur diros, ke la originalon Gœthe verkis (1796) en hekzametraj versoj. La poemo konsistas el naŭ kantoj, laŭ la nomoj de la naŭ muzoj. Ĝi estas simpla pentrajo de la honesta senafekta vivado de la germana burĝaro, en la momento, kiam la franca Revolucio komencis skuegi la tutan Eŭropon. Multaj scenoj estas delikatege graciaj. ekz. la sceno de Doroteo kaj Hermano ĉe la fontano; la moroj kaj kutimoj, la tipoj kaj karakteroj estas ekzakte pentritaj kaj vivoplenaj.

S-ro Benno Küster en hekzametraj versoj kaj tre klasika stilo verkis tre bonan tradukon preskaŭ ĉiuloke fluan kaj facilkompreneblan, kaj li rajtas esperi, ke li plenumos sian tro modestan deziron, ke lia verko « ĝojigu almenaŭ kelkajn anojn el la Esperantistaro ».

Mi citos kelkajn versojn el la naŭa kanto (142-156) (Doroteo respondas la riproĉojn kaj mokojn de l'patro de Hermano) :

« Lasu min ree foriri ! Ĉe vi mi do povas ne resti ;
Foren mi volas kaj iros la miajn, la tre kompatindajn,
En malfeliĉo de mi forlasitajn serĉadi ; plibonon
Nur por mi mem mi elektis. Ja tiel mi nun decidiĝis ;
Tial mi povas konfesi nun, kio alie dum jaroj
Estus ĉe mi kaŝiĝinta. Jes, trafis profunde de l'patro
Moko min, ne ĉar mi estas fiera, maljuste sentema,
Sed ĉar, verdire, en koro la mia, inklino naskiĝis
Al la junulo, jen kiu hodiaŭ helpinto aperis.
Kiam li min nur forlasis sur strato, mi lin rememoriris
Ĉiam ; mi pensis pri tiu feliĉa knabino, ho, kiu
Eble jam fianĉineto la lia fariĝis. Kaj kiam
Mi lin retrovis ĉe l'puto, mi ĝojis revidi lin tiel,
Kvazaŭ ja estus al mi aperinta el la ĉieluloj
Unu ! ............................................ »

La traduko enhavas iom multajn preserarojn, ne ĉiuj korektitajn sur la preserara paĝo (ekz. IV, 190 (al = la) — V, 158 (nur = mur), — V, 21, 28, 53, VIII, 43 (frankoj = francoj) — VIII, 12 (ŝi = ĉi), — IX, 266 (ĉie = ĉi).

Kelkaj vortoj estas uzataj en neĝusta senco : ekvoki I, 61 ; elvoki (I, 151) ; provizoro (provizisto) II, 94 ; gento (sekso) II, 270 ; tede (VI, 207, 267 ; IX, 13, 45) ; defendata IX, 315.

Jen kelkaj malkorektaĵoj (aŭ preseraroj) : I, 161 (briladis = briladas), II, 20 (ripozus = ripozos), II, 250 (povis = povus) IX, 316 (sin kontraŭstariĝos)...

Rimarkitaj vortoj : *opulo* (= fraŭlo II, 96 ; = unika filo VII, 58) ; *virgo* (II, 57) = virgino (VI, 105) = virgulino (V, 192) — *fraŭlulo* (= fraŭlo) V, 53. — *kelkiu* (IV, 129) — *kiobla* (VI, 85) — *porteblas* (VII, 111) — *karino* (VII, 164).

**La gildhala propaca kunveno en Londono** ; Adreso : S-ro *Harrison Hill*, 116, Abbey Road, London, N. W. (Anglujo). Prezo : 4 sd.

Tiu broŝuro enhavas parolojn de la lord Mayor de London (Sir T. Vezey Strong), S-ro Asquith, S-ro Balfour kaj aliaj eminentuloj, kun aldono de propacaj paroloj de Sir Edward Grey kaj S-ro Andrew Carnegie kaj letero de lia reĝa moŝto Georgo V.

Mi ne povas pli bone fari ol citi kelkajn liniojn de l'antaŭparolo (p. 6).

« Jen la noblaj vortoj de la Lord-Urbestro de Londono kaj ministroj, kiuj havas la povon influi la mondon al la paco aŭ la milito kaj kiuj unuvoĉe alvokas al la Paco.

Subtenu ilin. Legu tiujn parolojn al viaj gefiloj kaj en viaj Esperantaj kunvenoj. Presigu ilin en viaj jurnaloj tutmondaj, traduku ilin, citu ilin, kaj ne forgesu sendi al la redaktoro de tiu-ĉi pamfleto poŝtkartojn el ĉiu lando, sciiganta, ke vi estas koro ĉe koro kun ni britaj Esperantistoj por la Paco per Esperanto »,

*Molière.* — **La Malsanulo pro imago**, trad. Rektoro W. Velten. Eldonejo : Germana Esperanto-Librejo, Leipzig. Prezo : Sm. 0.20.

Kvankam, laŭ mia opinio, estas preferinde, ke tradukon de franca aŭtoro faru franca tradukisto, tamen mi devas konfesi, ke la traduko de S-ro Velten estas bonega kaj montras perfektan konon de la sencoj kaj nuancoj de la franca lingvo en la 17-a jarcento, En antaŭparolo S-ro Velten klarigas, kial li elektis « tiun ĉi malnovan francan komedion : 1-e ĝi estas vera, gaja kaj viva komedio, per kiu la Esperantisto-komencanto povas ludante ellerni buŝan konversacion ; 2-e li volas prezenti al la progresintaj lernantoj iom pli malfacilan legaĵon, ol fabeloj, malgrandaj rakontoj... povas doni... » Tiu komedio estas prezentita en Esperanto dum la Dresden'a Higiena Ekspozicio de 1911.

Tralegante la libreton mi notis la sekvantajn vortojn, esprimojn kaj preserarojn : p. 15, provo (pruvo), p. 22, pa ??, p. 27 patrineto (la teksto estas « Ma Mie » = Aminjo), p. 34 kvazaŭ senpere (teksto *de but en blanc* = senprepare, ektrafe), p. 37, mi sonĝis, ke mi estis (= estas), p. 38 *supozitan* edzon (malĝusta traduko : intencitan, projektitan, proponitan), p. 45 ĉe grandaj (=grand*ul*oj aŭ ĉe *la* grandaj), p. 49, aloganta (= alloganta), p. 37, diuruskula (= duriuskula), p. 65 tiom da riĉajojn (= riĉajoj), p. 70 ekspedas (ekspedos), p. 78- rebelo (ribelo), p. 80 *mi opinias, kiel li sin nomas* (nesencajo ; la teksto signifas : mi demandas, kiu li estas), p. 84 pneŭnonioj (pneŭmonioj), p. 91 senspirita (sensprita).

*Rollet de l'Isle.* — **Réponses à quelques objections.** — Centra oficejo, 51, rue de Clichy, Paris. Prezo (ne montrita).

Tiu utilega france verkita broŝuro celas « liveri al la Esperantistoj respondojn al la kontraŭdiroj, kiujn ili kelkfoje renkontas en sia propagando, pro la ekzisto de sistemo de internacia lingvo, kiun oni provas disvastigi sub la nomo de Ido ».

Tiuj respondoj ne estas novaj, sed ili estis disaj en jurnaloj, revuoj kaj broŝuroj. S-ro R. de l'Isle prave pensis, ke estus utile ilin kunmeti en resuma formo, aldonante kelkajn novajn argumentojn. Tiu broŝuro ne celas (kaj S-ro de l'Isle insistas pri tiu punkto) pravigi Esperanton, ĉar Esperanto ne bezonas pravigon « ĝi ekzistas de 25 jaroj, vivas, kreskas, kontentige plenumante ĉiujn servojn ».

S-ro R. de l'Isle sprite kaj « superlogike » konkludas per tiuj du citaĵoj :

« Esperanto, diris S-ro Couturat, estas mirinde regula kaj fekunda. Ĝi ne estas artefarita lingvo, malflua, mortinta, simpla kopiajo de niaj idiomoj ; ĝi estas lingvo kapabla vivadi, disvastiĝadi kaj superi laŭ riĉeco, fleksebleco kaj vigleco la naturajn lingvojn. »

Kaj S-ro de Beaufront : « El kia ajn vidpunkto oni ĝin konsideras, Esperanto estas verko de tre alta logiko kaj de mirinde praktika sento. Ĝi estas tiel plene konforma al la vera programo de la internacia lingvo, ke ĉiu nova sistemo ĝin povus egali nur ĝin imitante en evidenta maniero, aŭ pliĝustedire ĝin tute kopiante. Tial ni povas dormi en trankvilo. Neniam ni bezonos forlasi Esperanton ; neniel oni donos al ni pli bonon ».

VERTO.

# ESPERANTISMO

## AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj jurnaloj oni sendu al ni se ne la jurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la *12a* kaj 27a de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj Societoj.** — La 24 oktobro en *Fuerth* (Bavarujo) ; Prez. : S-ro E. Leu ; Sekr. : S-ro Gerbing ; Kas. : S-ro Bartmann. Kunvenejo : Hotel National.

En *Plzen* (Bohem.) estas fondata « Laborista Asocio Esp.-ista », sekcio de la Laborista Akademio en Praha. — K.

En *Koloszvar* (Hungarl.) S-ro Jozefo Vary, turisma konsulo, fondis Esp.-Oficejon la 1 de novembro. Adreso : Bocskaj, ter 4. — de R.

En *Rockford* (Usono) kun 15 membroj. Prez. : S-ro H. Halstrœm ; sekr.-kas. : S-ro K. Frœding. — H.

En *Düsseldorf* (Germ.) nova socialista grupo kun 40 membroj. — B. L.

En *Szerencs* (Hungarlando), la 4 novembro. — E. F.

En *Straubing* (Germanujo) sekcio de Germana Esperanto-Asocio. — G. E.

**Novaj kursoj.** — En *Montbéliard* (Franc.) kun 20 membroj, post parolado de S-ro M. Grisel. — C.

En *Gœttingen* (German.) ĉe la liceo por novaj lingvoj. — H. S.

En *Innsbruck*, la 26 octobro, de S-ro Blaas kun 18 personoj. — S.

En *Trieste* (Aŭstrio), de S-ro D. Cossaro, la 30 oktobro, ĉe la laborĉambro. — P. V.

En *Parizo* ĉe la Laborborso, 2 aŭ 3 dum vintro. — S.

En *Arad* (Hungarl.) en la knabina komerclernejo, la 6 novembro, post parolado de S-ro A. de Marich. — de R.

En *Essen* (German.) post parolado de nia Delegito, S-ro Pillath. — B.

En *Firminy* (Franc.) du *oficialaj* kursoj de la Urbo, ĉe la Industria Profesia Lernejo. — E. L.

En *Schweidnitz* (Silezio), kun 17 partoprenantoj. gvidas S-ro Schulz. — H.

En *Düsseldorf* (Germ.) du komenciĝis; alia prepariĝas por Bontemplanoj. — B. L.

Germanujo : en *Augsburg*, ĉe la realgimnazio ; *Bamberg* ; *Berlin* (2) ; *Berlin-Rixdorf* (por instruistoj)) ; *Berlin-Gchœneberg* (25 knaboj) ; en *Breslau* (multaj kursoj, sume 155 instruatoj) ; *Bromberg* ; *Dresden* (grupo Zamenhof, poŝtista grupo, ruĝ-kruca grupo) ; *Frankfurt a. M.* ; *Gera* ; *Aleiwitz* ; *Godesberg* ; *Kempten* ; *Kœnigsberg* ; *Kœnigshütte* ; *Lübeck* ; *Ludwigshaven* ; *Memmingen* ; *Mügeln* : *München* ; *Nürnberg* ; *Posen* (kun 60 ĉeest.) ; *Potsdam* ; *Reichenau i. Sa.* ; *Schleswig* ; *Spandau* ; *Stettin* ; *Straubing* ; *Weimar* ; *Weinbœhla* ; *Wiesbaden* ; *Worms* ; *Zittad.* (El « Germana Esperantisto » ).

*Hispanujo.* — Sekve de la reĝa dekreto de 15-a. de Aŭgusto, jam dum Septembro la madrida grupo elektis diversajn profesorojn de Esperanto ĉe kelkaj lernejoj. Nun la grupo Sevilja starigis la instruadon ĉe la gimnazio (profesoro S-ro Manuel Sanchez), ĉe la Normala Lernejo por Instruistinoj Prof., S-ino Emilio Gaspar Polo, 60 lernantinoj). Ĉe la ĉefa komerca lernejo estos tuj elektata S-o. Cassarubios. Ĉe la gea lernejo « Reĝino Viktoria » instruos Esperanton gesinjoroj José Leon kaj Antonia Aznar. Por la Universitato oni proponos S-on. Casto Vilar, prof., de Franca kaj arabaj lingvoj (jam elektita por la oficialaj lernejoj en Puella de los Infantes).

Krom tio, la Sevilja urba konsilantaro enmetos en la buĝeto por 1912 1.500 pesetojn por helpi la grupon, kondiĉe ke tiu ĉi instruu kelkajn urbopolicanojn. S-ro. Soriano, tie Delegito de U. E. A., kiu estas mem urbokonsilanto, esperas, ke oni atingos promesi al tiuj urbpolicanoj pli altan pagon, kiam ili parolos flue Esperanton kaj povos fari specialajn servojn ĉe la stacidomoj, muzeoj, hoteloj, k. c. Ni aldonu, ke S-ro Soriano faras ĉe la Sevilja Ekonomia Societo, de pli ol du jaroj, *ĉiaman* kurson la tutan jaron, ĉiutage. P. L.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Koloszvar* (Hungar.) — La 25-an, de Oktobro en la urbdomo propagandan kunsidon aranĝis la tiea klubo. Tiam legis la oficialan raporton pri sia ĉeesto en la Sepa, la sekretario, kiu samtempe prezentis la kolekton de kongresaj memorigaĵoj ordigitaj ekspozicie. Poste oni konigis la publikon pri deveno, celo kaj disvastiĝo de la lingvo Esperanta. Tri kursoj tuj komenciĝis.

En sama tiu urbo denove vigliĝis la grupo « La verda Standardo ». Ĝia estraro baldaŭ prezentos al la publiko sian programon por 1912, laŭ kiu ĝi celas, kiel ankaŭ en la antaŭaj jaroj, ĉefe la amasigon de eminentaj Esperantistoj, kies tasko estos perfektigi ĉiam la novulojn sperte.

Em. de Rakoczy,

**Paroladoj.** — S-ro Paul Blaise : la 19 septembro pri U. E. A. ĉe la malferma kunveno de la « Wood Green Grupo) ; la 14 de oktobro ĉe la malferma leciono de la kurso de Kristana Junula Asocio ; la 21 ĉe la Federacia Londona kunveno en *Croydon* ; la saman tagon vespere ĉe la Franca Klubo en *Richmond* ; samtage ankaŭ, parolado *legita* ĉe la Federacia kunveno de *Lancashire* kaj *Cheshire*. Ĉiuj bone sukcesis. — H.

En *Trieste* (Aŭstrio), la 28 oktobro ĉe la laborĉambro. — P. V.

En *Exeter* (Anglujo), S-ro R. Sharpe ĉe la Literary Society, antaŭ 300 personoj, la 26 oktobro (pri Esperanto kaj U. E. A.), — S.

En *Plzen* (Bohem.), la 23 oktobro, S-ro Pélant, pri L. I. kaj Esp. — K.

En *Arad* (Hungarl.), la 27 oktobro, S-ro de Marich, en la Urbdomo. — de R.

En *Wiesbaden* (German.), 3 oktobro, Dro J. Hanau, pri la graveco de Esp. kiel Mondlingvo. — G. E.

En *Memmingen* (German.), D-ro Ledermann, la 18 oktobro.

En *Berlin*, S-ro Ellersiek, redaktoro de « Germana Esperantisto », la 14 aktobro.

**Paroladvojaĝo de S-ro Parrish.** — Verdastelanoj kaj la publiko de *Kolozsvar* (Hungarujo) du fojojn ĝuis bonegan paroladon kaj mirindajn bildojn de nia eminenta propagandanto el Kalifornio pri lia bela patrujo, La unuan fojon en la grandsalono de l'universitato kunvenis publiko vere eleganta. Inter la aŭskultintoj oni povis vidi la tutan tiean Esperantistaron, preskaŭ ĉiun universitatan profesoron kun sia familio, la tutmonde solan episkopon de l'unitarianoj, multe da

sciencistoj, lokaj verkistoj, kuracistoj, advokatoj kaj amason de ŝtataj oficistoj kaj fine kelke da gestudentoj universitataj. Pli multe ĉeestis, ol 500. Al tiu brila sukceso ankaŭ tio pruntas intereson, ke post la paroladfiniĝo entuziasme kaj ravite de nia triumfa glora ideo, ekstariĝis S-ro. Eŭgeno Ĉolnoki, univ., prof., la fama hungara sciencisto de geografio kaj tiel trafan propagandparoladon tujigis por nia Esperanto, ke la publiko kun sentoj je nia afero plej simpatiaj iris hejmen. La 5-an. de Novembro devis S-ro Parrish ripeti sian paroladon en la solenĉambrego de kolegio unitaria antaŭ 122 interesiĝantoj krom la gimnazia junularo, kiu senpage okupis la galerion. Ambaŭ fojojn interpretis S-ro. Eliaso Marinka kaj la dankojn la Esperanto-klubo sekretario diris.

Em. de Rakoczy,
(*Delegito de U. E. A.*).

**Esperantiaj regionaj kunvenoj.** — La 30 de oktobro, Hago. La delegito raportis pri la stato de U. E. A. ĝenerale, legis la deziresprimojn de la 2-a Kongreso kaj informis pri la diversaj kotizoj en 1912. Jen la raporto por la jaro 1911 : Membroj 62 (1910 : 50) ; korespondajoj ricevitaj : 103 (1910 : 80) ; servoj faritaj : 33 (1910 : 15). Pro financaj malhelpoj, estis ĝis nun neeble presigi la regionan adresaron, malgraŭ la voĉdono de la kunveno en Rotterdam (majo 1911). La delegito dankis siajn kunlaborantojn. — H. F. P.

---

## DIVERSAĴOJ

∴ *Kongresaj rememorajoj.* La oficiala fotografisto de la Kongreso, S-ro Ed. Bastyns (29, rue des Tanneurs, Antverpeno), aperigis interesan kolekton de la kongresaj vidajoj. Ĝi enhavas 25 malsamajn poŝtkartojn, kiuj estas agrabla rememorajo de la kongresaj tagoj. (Prezo : 0.80 Sm.).

∴ *Adreso.* — Dum kelkaj monatoj ankoraŭ, la adreso de D-ro H. W. Yemans estos : U. S. Army, Fort Wayne, Détroit, Michigan (Usono).

∴ *Konkurso Almanako Hachette.* — La tre grava Almanako Hachette (eldono 1912), disvastigata en ĉiuj franclingvaj landoj, aranĝas duan Esperanto-Konkurson kun valoraj premioj. La lastan jaron, partoprenis en la konkurso pluraj centoj da personoj. La konkurso konsistas el du tradukoj, kies temo estas nunjare pri *U. E. A. kaj ĝiaj servoj.*

∴ *Danko.* — S-ro Uroŝ Avdaloviĉ, instruisto en Koriko Gacko (Hercegovino-Aŭstrio) kore dankas pro lia gastemo S-ron Giovanni Ragusin, laboriston sur la ŝipo « Split » ; tiu kunveturo tre agrabligis la vojaĝon.

∴ *Ekspozicio.* — En La Varenne-St-Hilaire (Seine, Franc.), la 29 oktobro, okaze de la premiodisdonado al la lernantoj de la Filoteknika Asocio, unuafoje uziĝis la « Esperantia rondiranta ekspozicio », verko de samideano Génermont (vidu la N-on 110 de nia gazeto). Al ĝi oni aldonis kolekton da poŝtkartoj el ĉiuj landoj. Granda estis la intereso de la vizitantoj kaj de la urbestraro ; la regiona Deputato esprimis sian simpation al nia movado. — L. O.

∴ *Pri la Sepa.* — Kiu deziras konservi detalajn informojn pri la tuta kongreso, aĉetu por Sm. 0.40 la plenan kolekton de la « Kongresa Gazeto ». Sin turni al S-ro D-ro W. Van der Biest, Minderbroedersui, 76, Antverpeno (Belg.).

∴ *Oran medalon* ricevis la grupo en Le Mans (Franc.) pro la Esperanta fako en la urba ekspozicio. — A. A.

∴ *Secundus Internationalis Catholicorum Conventus* : tio estas la titolo de dulingva broŝuro (latine kaj Esperante), kiu entenas la deziresprimojn de la Dua Katolika Kongreso en Hago (14-19 aŭg.). Uzi por la propagando de la internacia lingvo de l'homaro la ne malpli internacian lingvon de la Eklezio, estas bona ideo, kiu certe havos ŝatindan rezultaton ĉe la celataj rondoj. Sed interese estus kompari la studotempojn dediĉitajn de la lerta tradukinto al ambaŭ internacilingvoj : ni vetu, ke la studado de Esperanto postulis « iom » malpli da tempo kaj klopodoj ! — B.

∴ *Monhelpo.* — En Firminy (Franc.) la urba konsilantaro voĉdonis por la grupo monsubtenon da 20 Sm. La urbestro estas tre favora al nia afero. — E. L.

∴ *Honora diplomo* estas aljuĝita al la grupo en Schweidnitz (Silezio) pro la esperanta parto en la arta kaj metia ekspozicio okazinta lastsomere. Al la prezidanto de tiu grupo sin turnu ĉiuj vizitontoj de Silezio, ĉar tie estas la centra provinca informejo. Adreso : S-ro Edm. Schulz, Rechn.-Rat, Schweidnitz (German).

∴ *En programigita.* — En Kœthen (Anh. German.) de du jaroj okazis en « Friedrichs-Polytechnikum » esperantaj kursoj kun registara permeso. Nun oni starigis novan fakon por komercaj inĝenieroj, kaj en ĝi, Esperanto estas *deviga* por la antaŭekzamenoj. En la parola ekzameno, la kandidatoj rajtas elekti unu el 4 lingvoj, inkluzive Esperanto. Tiu unua provo de oficiala instruado en Germanujo rezultas el la klopodoj de S-ro Direktoro D-ro Foehr kaj S-ro inĝeniero Kohli. — G. E.

∴ *Vintraj Sportoj.* — Kredante, ke multaj Esperantistoj diverslandaj ŝatus kunveni ĉe taŭga loko dum la Kristnaka libertempo, Th. Cook kaj filo presigis en Esperanto programon de vintraj sportoj en la ĉarma sportejo St-Cergues, centre lokita apud la Léman-lago (Svislando). Ĝi estas atingebla en 2 1/2 horoj per glitveturilo el la stacidomo Nyon. Por informoj oni skribu al la ĉefoficejo : *Ludgate Circus, London*o. Tie estas haveblaj angle, france kaj germane specialaj ilustritaj programoj por aliaj svisaj sportlokoj.

---

## TRA LA GAZETARO

∴ El *Germana Esperantisto*, novembro 1911, sub la titolo « Iom pli da respondeca sento » (F. Ellersiek) :

...Nia movado estas universala. Ĝi ne plu estas, kiel en la unuaj jaroj de sia ekzistado, afero de malmultaj amikoj, kiuj bone konsentis pri la sola celo : disvastigi nian lingvon. Tiun staton ni jam de longe forlasis. Pli kaj pli kreskis kaj konstante kreskas nia movado, kaj en ĉiuj societaj rondoj Esperanto enradikiĝis. Krom la disvastigo, la Esperantistojnun pli kaj pli celas la praktikan uzadon de sia lingvo kaj utiligas Esperanton por siaj specialaj celoj.

El tio rezultas, ke, pro la malsimileco de la homaj karakteroj kaj pro la diverseco de la personaj interesoj, ne ĉiuj esperantistoj, kiuj ja ankaŭ nur estas homoj povas havi akordajn opiniojn. Plue ni bone scias, ke inter nia granda anaro ĉiam estas nekontentuloj, kiuj havas siajn propraјn ideojn, kaj kiuj nur nevolonte sekvas la vojon, trovitan bona de la plimulto. Kaj fine ni konfesu, ke, same kiel en kiu ajn alia organizaĵo, ankaŭ inter ni ekzistas anoj, kiuj pro personaj diferencoj intermalaikiĝis kaj pro tio sin forte kontraŭbatalas.

Ĉio ĉi tio iomete malhelpas la rapidan progreson de nia afero, ĉar la riproĉeblaj faroj, kiuj naskiĝas el la ĵus montritaj cirkonstancoj, de la neinformita publiko estas skribataj en la konton de la granda, boncela movado esperantista.

Kompreneble, kiu respondigas la tutan esperantan organizaĵon pro la neŝateblaj agoj de kelkaj anoj, estas same malprudenta, kiel tiu, kiu asertus, ke la tuta homaro estas sentaŭga, malnobla societo, ĉar inter ĝi troviĝas multaj krimuloj kaj malbonfarantoj ! Tamen neniam estos eble ekstermi tiajn tute malĝustajn opiniojn ; sed eble estas, ke ni esperantistoj klopodu, kiel eble eble plej zorge eviti la agojn, kiuj povas doni okazon por malfavora kritiko aŭ eĉ por kontraŭbatalo al nia movado. Ĉiu el ni sentu la respondecon, kiun li havas, rilate al nia komuna afero, kontraŭ la granda publiko, kaj li ne forgesu, ke liaj faroj estas la mezurilo, laŭ kiu oni ĝenerale taksas nian organizaĵon...

∴ El *Lingvo Internacia* aŭgusto-septembro 1911 (Redakcio) :

*Sciiĝo.* — Dank'al malavaraj amikoj, kiuj post la Antverpena Kongreso decidis nin energie helpi *Lingvo Internacia* vivos, ni esperas, dum ankoraŭ multaj, multaj jaroj. Ĝi daŭrigos batali ne kontraŭ homoj aŭ firmoj, sed, ĝentile, nur por ideoj, por difinita programo. Ĝi energie defendos, kiel ĝis nun, la necedeman fidelecon

al la Fundamento, sen kiu neniu internacia unueco estas ebla. Ĝi defendos ankaŭ la naturan, liberan, de nia Akademio kontrolatan evoluadon, konsekvencon de la vivo.

Pri la internacia organizado, ĝi ekzamenos trankvile, serioze, sen antaŭjuĝo, kiel ĝi ĉiam promesis, ĉiujn solvojn, sed ĝi opinias, ke ignori la danĝerojn de unu centra internacia organismo, ne sufiĉas por ilin forigi. Ili ekzistas. Se, konante ilin, oni sukcesas ilin tiel malpligrandigi, ke la profitoj por la ĝenerala propagando kaj uzado de Esperanto ilin superas, *Lingvo Internacia* volonte akceptos tian kontentigan solvon. Sed kiu kuraĝos ĝin riproĉi, ke en tia grava demando ĝi ne povas akcepti blinde solvon prezentitan eĉ de eminentuloj ? Ĝi ĝentile ekzamenos la aferon...

En la sama (Era) :

...Mi ankaŭ kredas, ke oni iam ŝanĝos la sistemon de voĉdono per manoj levitaj. Mi vidis, per propraj okuloj, kelkajn delegitojn, kiuj levis la manon *por* kaj *kontraŭ* la sama propono, ĉu ili ne bone aŭdis la balototan tekston, ĉu ili ŝanĝis sian opinion, inter la unua voĉdono kaj la dua. Mi ankaŭ vidis, ke, kiam afero estas proponita al voĉdonado, en la unuaj vicoj, kie sidas delegitoj bone aŭdantaj, tuj leviĝas multe da manoj, kaj nur iom poste la manoj de la malproksimuloj. Unuvorte, mi plene konvinkiĝis, ke el la ĉeestantaj delegitoj, pli ol triono ne povus diri, tuj post la voĉdonado, pri kio ili jus voĉdonis.

Cetere, tio ne estas tre grava. Ĉu same ne ofte okazas en ĉiuj naciaj parlamentoj ?...

∴ La unuaj numeroj de l'*Oficiala Organo* de « Itala Esperanto-Asocio » regule ĉiumonate aperos en itala lingvo por plibone propagandi inter la neesperantistoj. Adreso : Salita Pollajuoli, 13, Genova (Ital.).

∴ La rusa gazeto *Zemŝĉina* (Kaŭkazo) petas, ke la registaro malpermesu kunvenon de la Esperantistoj, « kiuj sin okupas *nur* pri regna perfido » ! ! ! Jen do nova argumento kontraŭ ni; spritaj plumistoj ne tro ekspluatu ĝin, ĉar la fonto baldaŭ elĉerpiĝos.

∴ La hungara ĉiutaga gazeto *Alkotmany* regule publikigas peresperantajn artikolojn el ĉiuj landoj ; ilin liveras S-ro Kozma per la « Korespondа Rondo », kiu celas la praktikan uzadon de Esperanto por la nacilingvaj redakcioj. — E. F.

∴ En *Lübecker General-Anzeiger* (Lübeck, German.) la 5 oktobro, propaganda artikolo. — G. E.

∴ En *Schweizerische Buergerzeitung* (Zürich, Svisl.) : 1 oktobro : Pri la Sepa. 12 oktobro : « Kelkaj vortoj pri mondlingvo », de Prof. Forel. — H.

∴ En *Gibraltar Chronicle* (Gibraltar, Hispan.), 19 oktobro, pri la Sepa. — C. J. E.

∴ En *Lyon Républicain* (Lyon, Franc.), 18 oktobro, pri la parolado de D-ro Augros kaj detaloj pri nia lingvo. — Cl.

∴ En *Borsen* (Kopenhago, Danujo), 21 oktobro, de S-ro Del. Hansen pri U. E. A.

∴ En *Bath and Wilts Chronicle* (Bath. Ang.,), 13 oktobro, pri kunveno de la Esp. Societoj ; same en *The Bath Herald*, 13 oktobro.

∴ Pri malfermita kurso kaj parolado en Cannes raportis : *Le Littoral* (16 okt.), *Le Petit Niçois* (16 okt.), *L'Eclaireur de Nice* (16 okt.). — M.

∴ En *Priener Zeitung* (Prien, German.), 15, 19 oktobro, pri la bavara Esperanto-Tago ; 9 novembro, pri parolado de S-ro Hübner ĉe malferma leciono. — F.

∴ En *L'Avenir Comtois et Belfortain* (Jura, Franc.) pri la parolado de S-ro M. Grisel en Montbéliard, kaj detaloj pri nia lingvo. — C.

∴ En *One And All* (Redbourne, Anglujo) letero proponanta nian lingvon al la estroj de la Adult-School. — A. R.

∴ En *Gœttinger Zeitung* (Gœttingen, German.), la 4 novembro, granda artikolo de S-ro Steinberg pri la praktika uzebleco de nia lingvo, U. E. A., ĝiaj servoj, organizado, statistiko. — S.

∴ De S-ro U. Avrdaloviĉ : en *Učiteljska Zora* (Sarajevo), organo de l'Instruista Asocio, artikolo pri « D-ro L. L. Zamenhof kaj la problemo de la lingvo internacia » ; en *Novi Vaspitač* « la Nova Edukanto », (Severin-Belovar, Kroatujo), traduko de artikolo el « Internacia Pedagogia Revuo » : « La gepatroj kaj la edukado de la japana infanaro en la familio » ; en *Srpska Škola*, « Serbа Lernejo », (Sarajevo, Bosnio) traduko de « La novaj lernejoj », artikolo el « Int. Pedag. Revuo. ». — A.

∴ *L'Illustrazione Adriatico Trientina* (Trieste, Aŭstrio) 28 oktobro, aŭtografo de D-ro Zamenhof kaj regule enpresas kurson (de S-ro Cossaro). Niajn gratulojn al la gajnintoj de tiu helpanta gazeto !

∴ En *L'Humanité* (Franc.) 27 oktobro, alvoko al Esperantistoj-Socialistoj, — S.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Diversaj Avizoj

∴ Ni rememorigas, ke la *Oficiala Jarlibro de U. E. A.* por 1912 estos presata dum decembro. Ni do insiste petas, ke antaŭ la fino de tiu monato, oni bonvolu nepre komuniki al ni ĉiujn korektojn, adresŝanĝojn, aliĝojn kaj re-aliĝojn de Esperantiaj Entreprenoj.

∴ La estraro de la Franca Societo por la propagando de Esperanto, en sia oficiala bulteno, rekomendas al siaj grupoj aliĝi kiel Esperantiaj Entreprenoj por esti enregistrigataj en nian Jarlibron.

Kiel oni scias, la Entreprenoj, kiuj havas Esperantistan karakteron kiel grupoj, federacioj, naciaj societoj, gazetoj, k. t. p. pagas nur kotizajon da *2 Sm.* ; interŝanĝe de kio ili estas enskribataj en Jarlibron kun ĉiuj necesaj informoj pri sia estraro, adreso, kunvenejo, k. t. p.

∴ La Delegitoj, kiuj ne ankoraŭ informis nin pri la realiĝo de la Entreprenoj de sia regiono, estas petataj tion fari plej baldaŭ. Ili bonvolu sendi la tekston enpresotan en la Jarlibron ; se ne, ni represos tiun, kiu aperis en la eldono de 1911.

∴ Ni denove atentigas, ke povas aliĝi al la fakaj asocioj de U. E. A. nur tiuj personoj, kiuj *pagis* aŭ samtempe *pagas* la kotizajon de U. E. A. por *1912*. Ekster tiu kondiĉo, nenia aliĝo estos enregistrigata.

### Gvidfolioj

Pro plikariĝo de la preskosto, ni estas devigataj altigi la prezon de la gvidfolio ĝis **6 Sm.** por la unua milo (anstataŭ 5) kaj **4 Sm.** por ĉiu sekvanta milo (anstataŭ 3). Tiu ĉi nova tarifo estas aplikebla de nun.

Ni rememorigas, ke nenia gvidfolio rajtas havi la subtitolon « publikigita sub la aŭspicioj », antaŭ ol ni tralegis la manuskripton kaj ricevis unu presprovajon por konstati, ĉu la gvidfolio havas la kutiman formaton.

### Etato de la Esperantianoj

En la listo aperinta en N-o 110, ni forgesis enmeti la regionon *Bradford* kun *48* membroj (36 membroj en 1910).

### Statistiko

Jen la movado de la korespondajoj ĉe la Centra Oficejo de U. E. A., dum la monato oktobro :

| Ricevitaj : | Forsenditaj : | Mandatoj : |
|---|---|---|
| 894 | 1993 | 176 |

Tuta sumo 3065 (sen la jarlibroj). Antaŭa monato 2.214.

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la Centra Oficejo de U. E. A., dum la pasinta jaro : 1 nov. 1910-31 okt. 1911.

| Ricevitaj : | Forsenditaj : | Mandatoj : |
|---|---|---|
| 12.970 | 19.094 | 2.292 |

Tuta sumo *34.355* (sen la jarlibroj). Antaŭa jaro : 23.940.

La Direktoro.

## Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.

Alagoinhas (Brazilujo). — S-ro Carlos de Souza Cunha, juĝskribisto, Travessa do Mercadu-u-l.

Campi-di-Bibbiena (Italujo, Arezzo). — D. Giacomo Meazzini.

Courtrai (Belgujo). — S-ro Jules Van der Putte, Mara agento, 60, rue du Gouvernement.

Doboj (Aŭstrio, Bosnio). — S-ro Mr. Duro Vojkovic, apotekisto.

Dundee (Skotlando). — S-ro Alfred A. Sliders, Solicitoro, 10, Whitehal 1 Str.

Esbjerg (Danujo). — S-ro Buhl, 50, Norregade.

Flokestone (Anglujo, Kent.). — S-ro A. P. Southee, eksinstruisto, « Edgecumbe » Shorncliffe Road.

Kasan (Rusujo). — S-ro Vladimir Vasil Smirnov, studento de Univers., Kasatkina ul., d. N. 29.

Keighley (Anglujo, Yorkshire). — S-ro Frank Cockshott Rhodes, Terkarbvendisto, Midland Yard.

Krefeld (Germanujo). — V.-D. : S-ro Jos Schumacher, komercisto, Kanalstrasse 103 kaj S-ro R. Sanders, librotenisto, Steinstrasse 9.

London (Anglujo). — S.-D. : S-ro Robert Robertson, 3, Earlham Grove, Woodgreen N. — S-ro E. Harvey, 226, Camberwell Bd., Herne Hill, S. E. — S-ro D. W. M. Jenkins, 15, Bamshill Gardens, Parliament Hill, N. W. — S-ro P. J. Cameron, 31, Chyne Row, Chelsea, S. W. — S-ro V. Grimmit, 209, High Street, Lewisham. — S-ro Veness, 26, Malmesbury Road, Canning Town, E.

Mittweida (Germanujo, Saksujo). — S-ro Richard Schinkel, Poŝta oficisto, Leisnigerstrasse 59.

Mount-Albert (Nova Zelando). — S-ro J. Woodward.

Philadelphia (Usono). — V.-D. : S-ro Henry Hetzel, altlerneja profesoro, 17 et Woodstr.

Pontarlier (Francujo, Doubs). — S-ro Emile Vauchy, instruisto, 87, Grande Rue.

Pre-St.-Gervais (Francujo). — S-ro G. Knopf ĉe S-ro Bavée, 63, Grande Rue.

Ruhrort (Germanujo, Rheinland). — S-ro Fritz Walsleben, komercisto, Landwehrstrasse, N-o 3. (Vicdel.)

Schweidnitz (Germanujo, Silezio). — S-ro Aug. Pischel, Poŝtdirektoro, poŝtoficejo. (Vicdel.).

Ŝepetovka (Rusujo, Vol. gub.). — S-ro J. Mučnik, librotenisto, Ucaky Myrnuky. (Vicdel.).

Sheffield (Anglujo). — V.-D. : S-ro Ern. F. Rodger, 9. Cheadle Street, Hillsborough.

Umanj (Rusujo, Kiev. gub ). — S-ro L. Boĉkovski, Strato Staraja, dom. Boĉkovskoj. (Vicdel.).

Winterthur (Svisujo). — S-ro Ed. Schauenberg, inĝeniero, ĉe Gesinjoroj Egli, Grütlistrasse 1.

Wischau (Aŭstrio, Moravio). — S.-D. : S-ro A. Pischovsky, fervojoficisto.

Zarszyn (Aŭstrio, Galicio). — S-ro D-ro Kazimierz Lewinski.

## Ŝanĝoj.

Accrington : La adreso de l'Vicdel. estas nun : S-ro James Baron, 124, Burnley Road. — Auckland : La Vicdel. estas nun, P. England, P. O. Box 36. — Beaune : La Del. estas nun, S-ro Jean Cyrot, 13, rue Thiers. — Bensheim : La Del. estas nun, S-ro P. Arthur Wiegand, Sanokonsilisto, Rheinstrasse 30. — Blois : La Del. Estas nun, S-ro Camille Raphail Faucher, Redaktoro ĉe la Prefektejo, 14, rue du Bourg-Neuf. — Bruxelles : La Del. estas nun, S-ro Austin Richardson, profesoro, Institut St-Louis, Rue Marais, (vizitebla ĉiutage krom dimanĉe de la 5-a ĝis 8-a.) La Vicdel. estas nun, S-ro Fernand Mathieux, komercisto. — Coventry : La Del. estas nun, S-ro F. J. Strong, 19, Chester Str. — Dresden : La Del. estas nun, S-ro Johannes Karsch, Holbeinstrasse 6. — Evesham : La Del. estas nun : S-ro A. H. Lees, 91, Kings Road. — S'Gravenhage : La Del. estas nun, S-ro H. C. Mees, Frederik-Hendriklaau 42. — Hamburg : La adreso de l'Del. estas nun, S-ro W. A. Vogler, instruisto, Ferdinandstrasse 25 II. — Huy : La adreso de l'Del. estas nun, S-ro Armand Landenne, kalkulisto, 9, rue St-Stanislas. — Limoges : La Vicdel. estas nun, S-ro Leonard Grenier, rue St-Paul prolongée, Limoges. — London : La Del. estas nun, S-ro Paul Blaise, « La Espero », 3, Lynette avenue, Clapham Common, S. W. — La Vicdel. estas nun, S-ro Filipo Kaliski, 304-306 Cable Str., Shadwell. — Lublin : La Del. estas nun, S-ro Josef Nowelt, Eksmeĥanikisto de regna telegrafo, ul Namiestnikowska, 309. — Magdeburg : La adreso de l'Del. estas nun, S-ro Fritz Rockman, urba instruisto, Klewitzstrasse 12. — Mainz : La Del. estas nun : S-ro Franz Karl Gewert, Kappelofgasse 3. — Mannheim : La adreso de l'Del. estas nun, S-ro Mauricio Kohan, meblolignajisto, R. 76 II. — München : La Del. estas nun, S-ro Hams Tressel, Schiesstædtstrasse, 23 I. — La Vicdel. estas nun, S-ro O. Maurer, Sternstrasse 6, III, 6. — Saratov : La Del. estas nun, S-ro Igor Aŝeŝov, studento de medicino, Policejskaja, 5. — Verona : La Del. estas nun, S-ro Cesare Stevanini, Cassa Risparmio. — Vienne : La adreso de l'Del estas nun, S-ro Paul Huline, 32, rue Juiverie.— Vitkovice : La Del. estas, S-ro P. Janecka, kómercisto.

La jenaj Del., post apelacio al la Centra Oficejo de U. E. A. kaj enketo estas restarigitaj :

Bochum : S-ro Rudolf Stracke, pentristo, Rottstr. N-o 38 II. — Braine-le-Comte : S-ro Hector Lahisse, 1, rue Neuve. — La Chaux-de-Fonds : S-ro Charles E. Rosen, komerca riprezentanto, rue Numa Droz, 174. — Christchurch : S-ro A. Balsahw, Walkford. Dubuque : S-ro Teodor Hanssen, Pastro, Route 9, — near Dubuque. — Encantado : S-ro Querino de Olivera, muzikmajstro, R. Muriqui 25, Encantado, Rio-de-Janeiro. — Ornskoldvik : S-ro E. W. Sjoegren, Tryggs KoKtor. — Warnemünde : S-ro Scheel Alexandrinenstrasse 6, Restoracio kaj loĝejo. — Warneton : F-ino M. Cornelis, Rue de l'Eglise. — Zmerinka : S-ro G. Gehrmann.

## Eksigoj.

Laurent Cauvet, Del. en *Aix-en-Provence*.
Dannemüller, Del. en *Annecy*.
E. Van Wejnberg, Del. en *Bruges*.
T. Lehmann-Binder, Del. en *Burgdorf*.
Joao Keating, Del. en *Campinas*.
Gourham, Del. en *Chateauroux*.
W. E. Massey, Del. en *Consett*.
F-ino F. Power, Del. en *Corsbie*.
W. Dieckmann, Del. en *Dortmund*.
J. Dusart, Del. en *Durban*.
Maurice Lefèvre, Del. en *Elbeuf*.
Hamel, Del. en *Evreux*.
G. Kruger, Del. en *Gelsenkirchen*.
Albert Laurent, Del. en *Gramat*.
W. Kœnig, Del. en *Greiz*.
George Wright, Del. en *Haddington*.
Johano Serkedakis, Del. en *Hiraclion*.
Antono Smeral, Del. en *Jeviĉko*.
A. Zachrison, Del. en *Karlstad*.
H. Niemojewski, Del. en *Kazimierz*.
J. Jovanoviĉ, Del. en *Kragujevac*.
Anatol Grigoriev, Del. en *Krasnojarsk*.
G. Schwengler, Del. en *Kreuzlingen*.
Henriko Kneifl, Del. en *Kuklenv*.
Alexandro Baranov, Del. en *Kursk*.
Heinrich Seidlich, Del. en *Leipa*.
S. Vatriquant, Del. en *Liège*.
Emil Siegl, Del. en *Lohmen*.
B. Payerbin, Del. en *Lons-le-Saulnier*.
Chas. S. Paxton, Del. en *Newport*.
Arthur H. C. Nowers, Del. en *Niagara Falls*.
Josef Kubiĉek, Del. en *Olomouc*.
D. Edwin E. la Belle, Del. en *Ottawa*.
Oktavian Vlasak, Del. en *Plzen*.
F. Skulina, Del. en *Polska Lutynia*.
Henry S. Reynolds, Del. en *Providence (R. I.)*.
Delfour, Del. en *Rodez*.
Mihail Krajev, Del. *Rohova*.
Ludoviko Pujol, Del. en *Santiago (Ĉilujo)*.
Dominigo Balaguer, Del. en *Santiago (Cuba)*.
Haroldo Amaral, Del. en *Sao Paolo*.
Stanislav Nokiĉka, Del. en *Semilv*.
M. Testart, Del. en *Semur*.
Georgiev, Del. en *Shumen*.
T. Davidov, Del. en *Silestria*.
Abel de T. Rico, Del. en *Sogamoso*.
Ed. Lau, Del. en *Soreze*.
William Hatfield, Del. en *Stockport*.
Ivan Nerkov, Del. en *Tirnovo*.
M. Plana, Del. en *Tolosa*.
F. Lasat, Del. en *Tortosa*.
Arpad Motko, Del. en *Trenesen*.
Franz Dworak, Del. en *Trutnov*.

Jules Lonezic, Del. en *Lorient*.
L. Ballereau, Del. en *Lucon*.
Edmond Braucourt, Del. en *Meaux*.
Charles Siems, Del. en *Menton*.
Enrico Fioravanti-Cinci, Del. en *Messina*.
Ses Bronnenmeyer, Del. en *Mindelheim*.
Baujard, Del. en *Montceau-les-Mines*.
Antonin Paillet, Del. en *Montélimar*.
Paul Merkle, Del. en *Tübingen*.
L. Adam, Del. en *Verdun*.
Georges Nallet, Del. en *Villefranche*.
Raymond Dulaurers, Del. en *Villemomble*.
Scheel, Del. en *Warnemünde*.
Robert Walter Schaal, Del. en *Wurzen*.
S-ro W. Beideck, Del. en *Augsburg*, pro neplenumo de siaj financaj devoj kaj aliaj plendoj.

La supraj Delegitoj nepaginte la kotizajon por 1911, malgraŭ ripetitaj avertiloj, estas forstrekitaj konforme al la regularo. Estas eble, ke pro diversaj kaŭzoj kelkaj Delegitoj estas malĝuste forstrekataj. Ni petas tion senkulpigi kaj la rilataj Delegitoj estas petataj tuj skribi al ni, por ke ni povu kontroli.

# ORGANIZA DEMANDO

La Grupo Esperantista de Reims komunikas al ni la jenan decidon :

La *Grupo Esperantista de Reims* (S. F. P. E.) en sia ĝenerala kunveno je la 30a Oktobro 1911 akceptis la jenan decidon :

Konsiderante,

ke *Ĝenerala Organizajo* de esperantistaj institucioj, societoj, grupoj kaj asocioj, eble povos esti utila ;

ke aliflanke iu asocio por internaciaj rilatoj estas certe kaj nepre necesega, por ke la propagando de Esperanto ne estu vanta, senefika kaj senfina ;

Konsiderante,

ke U. E. A. ĝis nun plej bone funkciis kiel asocio por internaciaj rilatoj ;

ke ĝia kunlaborado kun la propagandaj grupoj kaj oficialaj institucioj de Esperanto estas plej dezirinda ;

La *Grupo* do respekte sed insiste petas ;

ke la *Komisio por ĝenerala organizajo* plej afable ekzamenu la proponojn de la Estraro de U. E. A. kaj prezentu al la VIIIa *Kongreso* projekton precipe favoran por la disvatiĝo de U. E. A.

(Subskribis *P. Ronsin*, prezidanto, *M. Finot*, sekretario).

# Esperantiaj Fakaj Asocioj

## UNIVERSALA VIRINA ASOCIO

### Kial ni kreis Virinan Fakon ?

La Esperantista popolo, kiel ĉiu ŝtato, kiu volas vivi kaj prosperi, organizas sian konstitucion sur la solida bazo de la fakaj grupiĝoj. Tiamaniere nia Esperantia familia rondo ĉiutage plivastiĝas kaj por la ĝenerala bono utiligas ĉiujn energiojn, kiujn ĝi havas al sia dispono.

Oni scias, ke el la ok mil membroj de U. E. A., oni kalkulas preskaŭ milon da virinoj. En tiuj kondiĉoj ŝajnis utile al kelkaj el ili, se ili kune organiziĝos por komplete uzi ĉiujn servojn ebligatajn de U. E. A. kaj defendi siajn specialajn interesojn en nia granda Asocio.

Post favora deziresprimo de la Kongreso, la Komitato de U. E. A. bonvolis permesi al ni krei interne de U. E. A. la *Virinan Fakon* sub la nomo : *Universala Virina Asocio*. Ĝia organo estos la *Virina Bulteno*, kiu komence aperos trimonate kaj enhavos kvar paĝojn. La speciala jara kotizajo, kun la servo de la Bulteno, estos 50 sd., jare. Kompreneble, se la nombro de la aliĝantinoj estos sufiĉe granda, ni tiam povos aperigi nian Bultenon je ok paĝoj ; ĝi tiam havus ĉiujn informojn, dokumentojn kaj novajojn virinajn kaj feministajn, kiuj povas interesi nian grupiĝon.

Senutile estas diri, ke konforme al la Statuto de nia Asocio, la neŭtraleco de la Virina Fako kaj de ĝia Bulteno estos severe respektata. La demandoj kaj faktoj rilatantaj al niaj tujaj kaj praktikaj interesoj, al tiuj de niaj infanoj, estos la ĉefa temo de niaj informoj.

Ni esperas, ke ĉiuj Esperantianinoj komprenos la multajn profitojn, kiujn prezentas al ili la aliĝo al tiu nova grupiĝo. Plie, la Virina Fako neniel intencas forigi la kunlaboradon de la viroj ; ĉiuj kiuj aprobas nian celadon povos aliĝi al nia fako kiel aprobantoj.

La Virina Bulteno aperos unuafoje la *5-an. de Januaro 1912*. Ni ne dubas, ke malgraŭ sia modesta aspekto de la komenco, ĝi estos favore akceptata en la Esperantiaj rondoj. Cetere, ĝi pligrandiĝos samtempe kiam prosperos ĝia patrino : la Virina Fako.

Ĉiulandaj Esperantistinoj, helpu nin !

SINO LEGRELLE DE FERRER,
*(Fakestrino)*.

### Regularo de la Virina Fako

Jen la teksto de la regularo akceptita de la komitato :

§ 1. — Estas kreita interne de U. E. A., sub la nomo UNIVERSALA VIRINA ASOCIO (Fako de U. E. A.) speciala sekcio, kiu celas :

*a)* Plifaciligi kaj plimultigi la rilatojn inter la ĉiulandaj Esperantistinoj ;

*b)* Studi ĉiujn demandojn kaj helpi ĉiujn entreprenojn, kiuj celas la plibonigon de la socia stato de la virinoj ;

*c)* Propagandi U. E. A., kaj Esperantismon ĉe la virinoj kaj virinaj institucioj.

§ 2. — Estas membro de tiu fako ĉiu persono paginta la kotizajon de U. E. A., por la kuranta jaro, kaj specialan kotizajon da 50 sd. jaro Viroj ankaŭ povas esti akceptataj kiel aprobantoj.

§ 3. — La fako estas direktata de Fakestrino, elektata de la Komitato de U. E. A., konforme al § 45 de la Statuto. Ŝi zorgas pri la gvidado de la fako, kaj redaktado de la Virina Bulteno.

§ 4. — La Fakestrino estas helpata de Komisiono, konsistanta el 5 ĝis 9 membroj elektataj de la membrinoj por 3 jaroj, kaj prezidata de la Fakestrino.

§ 5. — La Komisiono studas ĉiujn demandojn rilatajn al la agado de la fako, novaj servoj por virinoj, propagando k. t. p. Ĝiaj decidoj devas esti sankciataj de Komitato de U. E. A.

§ 6. — La fako havas kiel oficialan organon specialan Virinan Bultenon, kiu enhavas la liston de la membrinoj, kaj pritraktas ĉiujn demandojn kiuj koncernas la agadon de la fako.

§ 7. — La fako estas kontrolata de la Centra Oficejo de U. E. A., kiu ankaŭ prizorgas la ĝeneralan administradon kaj financan laboron. La memstara fakkaso, el kies kotizajoj kaj donacoj, oni elpagas ĉiujn elspezojn por la fako, estas prizorgata de la Centra Kaso de U. E. A.

Tiu ĉi regularo, kiu havas provizoran karakteron, estos submetata al la ĝenerala voĉdonado konforme al § 52 de la Statuto, se en tempolimo de 60 tagoj, pli ol la kvinono de la Delegitoj voĉdonrajtantaj ĝin skribe postulos. Se ne, ĝi estos konsiderata kiel definitive akceptita.

## UNIVERSALA LABORISTA ASOCIO

### Regularo

En nia lasta N-o. ni erare donis la tekston de § 7 de la Regularo en ĝia antaŭa formo. Oni bonvolu ĝin anstataŭigi per la jena, akceptita de la Komitato de U. E. A. :

§ 7. — La fako estas kontrolata de la Centra Oficejo de U. E. A., kiu ankaŭ prizorgas la ĝeneralan administradon kaj financan laboron. La memstara faka kaso, el kies kotizaĵoj kaj donacoj, oni elpagas ĉiujn elspezojn por la fako, estas prizorgata de la Centra Kaso de U. E. A.

---

# Esperantia Parolejo

## Pri la Organiza demando

Mi tre atente legis vian lastan N-o de « Esperanto » kaj kiel ĉeestinto de l'7-a kaj esperantiano tute konsentas kun vi kaj aprobas viajn deklarojn.

La demando pri organizo de la esperantistaro estas gravega kaj oni devas ĝin pri pritrakti serioze. Ĝiaj amplekso kaj graveco postulatentajn preparadon kaj studadon de ĉiuj naciaj kaj regionaj societoj esperantistaj. Ŝajnas al mi ke oni agis iom tro rapide decidante pri tio (mi ne parolas kiamaniere) en Antverpeno sen la studado de ĉiuj interesatoj. La multaj protestoj jam faritaj aŭ farotaj montras efektive ke tiuj decidoj ŝajnas nesufiĉe maturaj.

Laŭ mi, tiu demando bezonas esti pridiskutita dum tiu jaro, sed de la naciaj kaj regionaj societoj kiuj povus tiamaniere eldiri la ĝustan kaj veran opinion de siaj grupoj demanditaj per referendumo aŭ en kongresoj. Estas evidente ke la antverpena kongreso ne povas ligi ĉiujn esp. grupojn sed nur la reprezentitajn kies nombro estas malgrava parto de nia samideanaro.

Povas okazi ke tiu respondo, estos konforma al la decidoj de la 7-a, sed tre certe la grupoj per tiu ĝenerala konsulto povos elmeti ideojn aŭ modifojn tre utilajn al nia esperantistaro.

Kio ajn okazos nia forta U. E. A. ne devas pli timi tiun novan instiitucion ol la antaŭajn, kiel ekzemple la Financa konsilantaro kiun neniu konas.

U. E. A. restas la akso de nia tuta movado. Ĝi rajtas nenion timi, ĉar ĝi staras, kiel fortikaĵo subtenita de ĉiuj agemaj, progresemaj kaj praktikaj esperantistoj, la ĉefaj pioniroj de nia movado en ĉiuj urboj.

Kion ajn oni diris, U. E. A., estas la plej grava internacia por-esperanta organizaĵo. Tio povus ŝajni paradokso al kelkaj kaj tamen tio estas. Efektive, de kelkaj jaroj la propaganda agado ŝanĝis pro la ekzisto de nia asocio.

La publiko restas nun preskaŭ indiferenta antaŭ sciigoj pri gramatiko, literaturo, statistiko, varbitaj sciencistoj kongresoj; tio kio nun allogas ĝin estas faktoj de la ĉiutaga vivo montrantaj klare la veran internacian praktikecon de nia lingvo kaj movado; kaj tiuj faktoj tiuj ekzemploj estas ĉiuj elĉerpitaj el la multaj servoj ricevitaj de nia U. E. A. Nur tiaj ekzemploj de internacia helpado interesas kaj varbas la publikon pli ol iaj ajn K. K. K., I. F. K. ktp.

Nia asocio estas nun por ni, propagandistoj, la plej grava kaj necesega apogo. Ĝi do ne devas malaperi antaŭ pli malpli utila nova asocio. Ĝi devas vivi, prosperi, ĉar ĝi havas la universalan estimon kiun ĝi meritas pro la bonordo de sia organizado la konstanta klareco kaj lojaleco de sia administrado, kaj la graveco kaj multnombreco de l'faritaj servoj. Se, iun tagon, nova organizaĵo fariĝos necesa por kunigi la esperantistaron, *U. E. A., devas esti ĝia sana kerno.*

Nia asocio, do, nenion timu pri dueco. Ĝiaj kontraŭuloj ne estos tiel malspritaj aŭ malesperantistaj kreante tiun duecon kiu estus por ili la malsukceso de iliaj klopodoj, kaj por U. E. A , granda helpo.

Efektive la gruparo, vera esperantista popolo, moketas eminentulojn kaj ne ŝatas ĉiujn neutilajn instituciojn al kiuj ili ne donos eĉ unu spesdekon, sed kore aliĝos kaj subtenos vere fratan esperantistan asocion kiu jam de longe praktikas en plena libereco la novan senton de nia movado ekster ĉiuj ambiciaj influoj kaj aŭtokrataj agoj.

B. Peyraud, (*Vicdel. St.-Etienne*).

## Esperanta Propagando?

La komitato de la « Franca Societo por la Propagando de Esperanto » ĵus decidis rekomendi al siaj 9.000 membroj la aliĝon al la societoj « kiuj celas la propagandon aŭ la defendon de la franca lingvo » kaj petas, ke aliĝante ili montru, ke ili estas Esperantistoj. Tiel oni pruvos, ke la intereso por Esperanto ne kontraŭstaras al la klopodoj de la nomitaj societoj.

De la franca vidpunkto tiu decido eble helpos al la esperanta propagando, ĉar en Francujo, kiel cetere en ĉiuj landoj, kelkaj simpluloj kulpigas la Esperantistojn je perfido al la patrujo. Tamen ŝajnas al ni, ke oni ne pripensis, ke la germanoj, italoj, slavoj, k. t. p., same rajtus rekomendi siajn nacilingvajn societojn kiuj, se en dulingva urbo ili komencas sian « propagandan kaj defendan laboron », ofte kreas inter la loĝantaro ion tute alian al amikan interkunsenton. Oni lasu al la individuo la gravan problemon, ĉu esperantisto povas partopreni en por-nacilingvaj societoj. La solvo dependas de la maniero kiel oni komprenas Esperantismon kaj precipe de la karaktero de la societoj. Kelkaj el ili vere estas literaturaj ; aliaj, sub senkulpa titolo, alcelas kun ĉiuj rimedoj la perfortan disvastigon de sia lingvo kaj landlimo, kaj estas pro tio unu el la plej grandaj danĝeroj de l'tutmonda paco. Ni bedaŭras, ke la estraro de la Franca Societo, laboranta por nia internacia movado, forgesis la konsiderojn ŝuldintajn al la alilandaj samideanoj.

Spectator.

## Oni laŭdas!

.˙. S-ro *St-Minkov*, ekssubdelegito en Ivry-sur-Seine (Franc.) nune en Sofia (Bulgar.) kore dankas S-ron *L. Richard* (Del. Châlon-s-Saône) kaj S-ron *A. Martin* (Mâcon), kiuj tre helpis lin dum lia restado en tiuj urboj.

.˙. S-ro *Em. de Rakoczy* en Koloszvar (Hungarl.) kore dankas sian kolegon, *S-ron K. Ĉ. Ŝan*, Del. en Shanghaï (Ĥinujo), kiu afable sendis al li objekton petitan por aranĝota ekspozicio.

.˙. La *prezidanto* de U. E. A. propranome kaj en la nomo de siaj kunvojaĝintoj, deziras plej kore danki la Delegitojn kaj Esperantianojn de la urboj Kopenhago, Peterburgo, Moskvo, Stockholmo, Lübeck, Hull kaj Rottardam pro la granda afableco, laŭ kiu ili kondukis kaj helpis lin dum lia antaŭkongresa vojaĝo. Longan priskribon pri la vojaĝo oni trovos en « British Esperantist » (oktobro), kaj ankaŭ okazis lumbilda parolado ĉe la Londona Klubo, kiu tre entuziasmigis la ĉeestintojn kaj varme aplaŭdigis la praktikan utilecon de U. E. A.

H. Bolingbroke Mudie.

## Oni Proponas

.˙. Al la esperantia regiona kunveno en St.-Chamond (Franc.), *S-ro Farlay* proponis, ke la tieaj esperantianoj ĉiumonate kotizu po unu franko ĝis julio 1912 por sendi delegiton al la Tria Internacia Kongreso de U. E. A. La ĉeestantoj akceptis.

.˙. S-ro Luis, Del. *Düsseldorf*, proponas, ke : 1-e. Oni presu en la Jarlibron la nomojn de la fakaj konsuloj ; 2-e. ke oni liveru al la distriktaj Del. propagandajn broŝurojn senpage en nacia lingvo.

(Respondo : La presado de la nomoj kaj adresoj de la fakaj konsuloj multe pligrandigus la amplekson de la Jarlibro, sekve ĝian afrankon kaj ĝian koston. Plie, estas multe pli certe, ke la Del. alcentrigu ĉiujn informpetojn kaj mem ilin disdonu inter la taŭgaj konsuloj ; kun la proponita sistemo la membroj neeviteble sin turnus jen al la Del., jen al la fakaj konsuloj, kio certe estus kaŭzo de malordo. 2-e. Liveri senpage propagandajn broŝurojn al la distriktaj Del., ni tre volonte farus kaj dezirus fari, sed bedaŭrinde niaj monrimedoj nun ne ankoraŭ permesas tion. Dir.).

## Propagandaj demandoj

*Kiel oni propagandas por gajni novajn geanojn kion oni faras por konservi la gajnitajn anojn ?*

Nia delegito S-ro Mally, Gorlitz (Germanujo) skribas pri siaj sukcesaj varbadoj :

La plej bona propagandilo estas kaj restas la persona varbado inter konataj personoj. Por instigi la grupanojn oni promesu premiojn, donotajn al tiuj 2 aŭ 3 personoj akirintaj la plej multajn anojn dum jaro. Tia varbmaniero estas multe pli bona ol la anoncado en la gazetoj. Ekz. grupeto, kalkulanta 10 membroj enkondukas tiun varbmanieron, promerante al la gemembrojn, ke tiu, kiu plej multe da membroj varbos, estos rekompencata per vortaro, kaj

la duan premion oni donas al tiu, kiu akiris la pli malgrandan nombron. Ĉiu el la membroj varbos fiere por havi honoron esti la plej bona pioniro. Tiamaniere la grupo rapide pligrandiĝos.

Akirinte novajn membrojn, oni devas esti singardema por ilin ne perdi. Faru la instruadon ne tro enuiga. Post la instruado aranĝu mallongan amuzajon kaj promesu al la plej bona lernanto kaj al tiu, kiu plej regule vizitis la kurson, premion. Estas ne necese, ke la premio multe valoru, jam la honoro esti premiata sufiĉas por la instigo.

Fratigu la grupanojn inspiru al ili la idealismon de nia sankta afero ; prisilentu al la komencantoj ĉiujn malsukcesojn kaj kontraŭbatalojn.

Diru, ke tiuj partoprenantoj, malaperintaj antaŭ la fino de la kurso, montras sian malkapablecon lerni la plej facilan lingvon de la mondo, kaj vi sukcesos.

# Esperantia Vivo

**Datreveno.** — Nia fervora Delegitino en Danzig, *S-ino A. Tuŝinski*, kiu dum 1911 varbis 111 membrojn al U. E. A., festos, la 4-an de Decembro, la sepdekan datrevenon de sia naskiĝtago. Tiu okaze ni sendas al ŝi niajn plej korajn bondezirojn kaj niajn dankojn pro ŝia ĝisnuna, al nia Asocio dediĉita laborado — imitinda de multaj aliaj — kiun ŝi dum multaj jaroj daŭrigu.

# Alvokoj

### Al financistoj !

Nia distrikta Zemstvo (speciala rusa komunuma organizaĵo) decidis *fari pruntepreron de 422. 312 spesmiloj.* Tiu pruntaĵo estas farata ĉe ni laŭleĝe sub permeso de la Registaro, kun plena garantio. Ano de l'Konsilantaro, mia amiko kaj samideano, petas min diskonigi tion alilanden al ĉiuj bankistoj, kiuj estas petataj komuniki siajn kondiĉojn, laŭ kiuj ili povas pruntedoni la nomitan sumon. Mi estas certa, ke ĉiu komprenos la gravan rolon por Esperanto, se tiu prunto efektiviĝos per ĝi. La proponoj estu sendataj laŭ mia ĉi suba adreso.

Veterinaro N. Foss, *(Del. Ufa, Rusujo).*

### Esperantista Hejmo en Lyon

Multaj el niaj vizitintoj bedaŭros la malkonstruon de la bela Esperantista Hejmo, kiu sidis ĉe la nº 2 de la strato Emile-Zola. Ne timu! Nia vigla propagandistino, S-ino A. Farges, direktorino de la E. O., sukcesis organizi novan, ankoraŭ pli belan, ĉe la nº 78 de la strato Hôtel-de-Ville.

Ni, kun plej granda plezuro, tie akceptos la vojaĝantajn Esperantianojn, kaj penos organizi specialan kunvenon, se ili nin sciigos sufiĉe frue, kaj reciproke ni petos ilin iom paroladi pri la servoj, kiujn ili ricevis de U. E. A.

Merkredon vespere, en la E. H., kunsidas la Lyon'a Esperantista Grupo, baldaŭ dekjara, kiu en januaro fariĝos prezidanto de la Rodana Federacio.

Sabaton vespere kunvenas geamikoj dezirantaj pliperfektiĝi en la uzado de nia lingvo.

Ŝtataj instruistoj kaj diplomito de I. I., ĉiuj aprobitaj de S. F. P. E., faras unua- kaj dua-gradajn kursojn.

Fine, por faciligi la interŝanĝon de poŝtkartoj kaj la internacian korespondadon, ni decidis starigi novan servon. Ĉiu persono, kiu sendos al ni, kun poŝta respondkupono, siajn nomojn, profesion, aĝon, kaj aliajn utilajn sciigojn, ricevos adreson de samideano el dezirata lando. Tiamaniere, ĉiu estos certa havi unu korespondanton ne timante ricevi centon da respondoj.

Vizitu nin, aŭ petu informojn pri nia funkciado, de S-ino A. Farges, delegita administrantino, 78, rue de l'Hôtel-de-Ville, Lyon.

L. P.

### Alvoko al la Esperantistaj Socialistoj

La membroj (loĝantaj en Francujo) de la Socialista Partio (S. F. I. O.), kiuj estas Esperantistoj *aŭ aprobas Esperanton*, estas petataj sendi siajn nomojn kaj adresojn al Sinjoro Senrono, 36, rue Milton, en Parizo (9ª), komisiita por kolekti la informojn. Tiu sendo neniel ligos ilin. Ĝi estos farita nur por prepari komunan agadon pri Esperanto en la Socialista Internacia Partio.

### Esperantiaj Entreprenoj !

Mi iun tagon renkontis Francon, kiu parolis al mi pri Esperanto, li opiniis : ke « Esperanto certe ne estas taŭga por komerco, (li ne estas Esperantisto) ĉar li neniam (aŭ tre malofte) vidas tiun anoncon kiu dungas oficiston Esperantan aŭ publikigas, ke la firmo uzas Esperanton ; sed li ofte vidis la anoncon pri dungado, de stenografisto, kiu estis eltrovata preskaŭ samtempe kun Esperanto ! »

Do mi tre petas ĉiujn Esperantiajn Entreprenojn, ke ili ĉiam anoncu sur *iu ajn nacilingva gazeto*, ke ili parolas Esperante kaj tre utile uzas Esparanton ; kaj ke *ne nur* sur Esperanta gazeto ili ĝin konigu !

K. Ĉ. Ŝan, Del. *Sanghai.*

### Al tutmondaj Bontemplanoj

Ni, bontemplanoj, nepre bezonas facilan internacian helpingvon por niaj rilatoj. Tiu lingvo ekzistas kaj estas jam uzata de multaj Societanoj en ĉiuj landoj, ĉar ĝia studo postulas nek multe da mono, nek multe da peno, nek multe da tempo. Sed necese estas, ke Esperanto ĉiam pli penetru niajn vicojn kaj fariĝu nia ĉefa interkomprenigilo. Por tio, ni intencas krei « *Tutmonda Esperantista Bontemplana Asocio* »'n (T. E. B. A.). Ĉe la grandloĝiaj, ĉe la mondloĝiaj festoj ni volas pruvi al niaj estraroj, ke, por la komuna uzado, Esperanto pli taŭgas ol la ĝisnun uzitaj lingvoj, kiuj neniam fariĝos ĉies posedo. Nia ritolibro baldaŭ estos tradukita kaj tiam povos okazi laŭ-ritaj kunsidoj. Ni bezonas la helpon de ĉiuj bontemplanoj kaj varme petas ilin sendi al nia kasisto (S ro Fr. Philipp, Buergerstr. 22, Hamburg, German.) sian aliĝon kun 1 Sm. Ili bonvolu ankaŭ multnombre aliĝi nian jus fonditan organon « La Bontemplano » (eldonejo : Kaiser Friedrichstrasse 1, Magdeburg, German.). Tion farante, ili samtempe helpos ambaŭ movadojn : la esperantisman kaj la bontemplanan. Do, neniu hezitu !

La Provizora Estraro.

la fiera romana patriciino konvertiĝas, post kiam la fidela Sira ŝin savis de mortigo.

Kion diri pri la stilo ? Ni ne bezonas prezenti al la amantoj de bona Esperanta literaturo la tradukinton de « Dankon », « Kredo kaj Scio », « Eĉ en doloro ni estu ĝojaj » kaj ĉefe « En Svislando ». Tia verko estas nova pruvo pri la rezultato, kiun talenta uzanto kapablas tiri el la klasika Fundamento Esperanta. La libro meritas esti ĉie legata kaj diskonigata, ĉar ĝi fortigos nian konfidon al la valoro de nia lingvo.

### NOVAJ LIBROJ :

**Albrecht Dürer.** — Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. Luksa volumo da 93 paĝoj kun 57 belegaj reproduktajoj de la majstro. Verkoj de l'fama pentristo (trad. de la Germana Esperanto-Asocio.

Prezo : Sm. 2. — Lukse bindita : Sm. 2.50.

**La Ponto.** — La organizado de la Intelekta Laboro per « La Ponto ». De K.-W. Bührer kaj Ed. Saager. Trad. de J. Schmid. L, K. 157 paĝoj, 2 Mono.

Prezo (kartonite) : Sm. 2. Lukse bindita : Sm. 2.50.

**Aline.** — Svisa rakonto de C. F. Ramuz, trad. René de Saussure, Akademiano, 150 paĝoj. Prezo : 1 Sm. (afrankite).

**Esperantista Kantaro.** — Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Konataj kaj ŝatataj melodioj. Necesega al ĉiuj grupoj.

Prezo : Sm. 0.40.

**Tra Belglando, Nederlando kaj Anglolando, per Esperanto,** de R. di Rienzi. Interesa kaj bonhumora raporto pri vojaĝo farita ekskluzive per Esperanto kaj dank'al Esperanto. Rekomendinda legolibro kaj propagandilo por la Esperantaj kursoj. Broŝuro 32-paĝa, mono.

Prezo : Sm. 0.20.

**Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizaj de Esperanto** por Esperantaj Ekzamenoj. Grava verketo por ĉiu lernema Esperantisto. Verkis R. de Ladevèze.

Prezo : Sm. 0.50.

**Ostlorn,** vilaĝaj skizoj de S. Ulfers. Trad. el holanda lingvo M.-J. Wessel. 294 paĝoj.

Prezo (Broŝurite) : Sm. 1.65. — Lukse bindita : Sm. 2.05.

*Por ĉiuj supraj verkoj, aldonu 10 % por la afranko*

### OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Propagandiloj*

**Esperantismo.** — La internaciaj rilatoj. Esperantismo kaj Esperanto. La servoj de U. E. A. Elementoj de Esperanto.

Propaganda broŝuro de H. Hodler. Havebla en la lingvoj *angla, franca, germana* aŭ *rusa.*

Prezo (afranke) : Sm. 0.10.

Por mendoj de pli ol 10 ekz. rabato da 33 %.

**La Internaciaj rilatoj.** — Propaganda okpaĝa folio pri la servoj de U.E.A. Havebla en la lingvoj *angla, franca* aŭ *germana.*

Prezo (afranke) : *10 ekz.*, Sm. 0.10.

*100 ekz.* Sm. 0.80.

Ambaŭ supraj verkoj estas rekomendataj al ĉiuj propagandistoj.

*Oficiala insigno*

Verda stelo kun blank-ora rando, literoj U. E. A.

Pinglo aŭ broĉo . . Sm. 0.36 Butono . . . . . Sm. 0.48

Oni aldonu Sm. 0.10 por rekomendo.

*Oficiala skribmateriaro*

*Leterpapero,* 100 ekz. $ 0.75 *Poŝtkartoj arte ilustritaj*
*Kovertoj,* 100 ekz. $ 0.60 10 ekz. $ 0.40
*Poŝtkartoj,* 100 ekz. $ 0.75 (Kun la bildo de D-ro Zamenhof), 100 ekz. $ 0.60

**Universala Esperantia Librejo**
*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampilo.

Rimarko : Por plifaciligi la retrovon de adreso ni depost nun ĉiam ordigos la adresojn laŭalfabete.

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* b.fl. = *bildflanko.*

Bad Reichenhall (Germanujo-Bavarujo). — S-ro Fr. Mayerhausser, PI. L. (nur kun neeŭropanoj ĉiurasaj pri la temoj « Kontakto de rasoj » kaj « Monismo ».

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Bromberg (Germanujo). — F-ino Magarete Breyer, 8 Schlosserstr. (kun eksterlandanoj), PI.

Brünn (Aŭstrio, Moravio). — S-ro G. Neubauer, ĉe Lichtensternako Kœrnergasse 4 ; PI., L., PM. kaj fotografaj, kun ĉiuland. samid., prefere ekster Eŭropo.

Krakow (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Antonio Grabski, Stolarska, 6, PI.

Krakov (Aŭstrio). — S-ro Jan Mendrkieviĉ, medicinisto, str. Dluga 52 ; L. kun Kuracistoj pri klimato- kaj balneologiaj temoj (kun estroj de kuraclokoj pri higieno kaj dieto).

Krakov (Aŭstrio). — Stanislavo Dzieduszycki, gimnaziano, str. Biskupia 9 ; PM. kun ĉiulandaj samideanoj.

Lublin (Rusujo-Polujo). — D-ro J. Novelt, Villa Esperanto ; PI.

Luck (Gubernio Wolynska-Rusujo). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec deziras interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.

Manningtree (Anglujo, Essex). — S-ro J. Cant, Elmside ; PM., PI., (kun Azio, Afriko, Aŭstralio, ĉiuj Amerikoj, Malto, Gib. Cyp. Port. Montenegro, Grek. Turk. Dan· Norveg. Sved. Serb. Bulg. Ruman. Bosn).

Omsk (Rusujo-Azio). — A. B. Seitov, 36 Uĉelnaja.

Romans (Franc.). — Kolonel-leŭtenanto Pillon aĉetas, interŝ. kaj ĉedas PM.

Veghel (Nederlando). — S-ro Johann de Vos ; PI., L.

Verona (Italujo). — Liverani Michele, 6 S. Silvestre ; PK., L.

Berabevû (Resp. Argentina, F. C. C. A.). — S-ro Julian Merino ; PI.

Braunschweig (Germanujo). — S-ro Walter Droege, 5, Kasernenstr. ; PI., PM., bfl. (kun eksterlandanoj).

Kiev (Rusujo). — S-ro Vladimir Nikol. Golosovu, Timofeevskaja, 13, kb. 2. PI.

Pihl N 25 (Aŭstrio-Bohemujo) — S-ro Ferd. Jochmann ; PI. Karl Ronge ; PI. Otto Lœffler, komercisto ; PI.

Rockford (Usono, Ill.). — S-ro Axel Andersén, Box 1531 ; S-ro Arvid Jansson, 1233 Fifth Ave. ; PI.

Say Lion (Francujo). — S-ro Maje, 9, rue Jean-Baptiste : PI.

Tchiné (Turquie d'Asie, Via Smyrne). — S-ro M. Said, Nufous Kiatibi ; PI.

Thun (Svisujo, Bern). — S-ro Karlo Hildebrand, Schlossberg 67 ; interŝanĝas nur PM.

Udeno (Holando). — S-ro J. P. Th. Ockhuizen, Buĉisto ; S-ro Henriko Frunt ; PI. L.

Verona (Italujo). — S-ro Aŭgusto Scalabrini, Borgo Trento, Palazzina Peroni ; PI.

Warnsdorf (Bohemujo). — S-ro Karl Fischer, Kreditanstalt ; PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AKCEPTOS REKLAMOJN de ia eksport-firmo, hotelo, aŭ Esperantista entrepreno, kaj ilin aperigos, angle, en Filadelfiaj gazetoj po 0.50 Sm. por ĉiu linio, S-ro Harry Test, Del. U. E. A., 19

